

*Tiu ĉi numero estas dediĉita al ĉiuj viktimoj de terorismo kaj iliaj familioj...*

Saluton!

Kiel vi eble jam komprenis, la temo de tiu ĉi numero estas tio, kio rekte aŭ malrekte tuŝas nin ĉiujn – TERORISMO. Por tiu ĉi numero kontribuis esperantistoj de la tuta mondo, kaj dank' al ilia laboro kaj helpemo ni povas prezenti al vi tiom da altkvalitaj artikoloj. Grandan dankon al vi, niaj karaj aŭtoroj kaj legantoj!

Sur p. 3 atendas vin enkonduka artikolo de **Axel Ország-Krysz,** Hungario, pri difinoj de terorismo kaj defendo kontraŭ ĝi. Sekvas ĝin intervjuo kun **Thomas Eccardt**, Usono (Novjorko) – li rakontas pri siaj rememoroj pri la 11-a de septembro 2001. **Sejjed Navvab Mozaffari**, Irano, prezentas sur p. 6 sian saĝan fabelon, kiu tre bone kongruas kun la ĉi-numera temo.

**Marco Trevisan Herraz** estas italo, kiu studas en Hispanio, Madrido. Nur dank' al feliĉa koincido li ne iris al la universitato la 11-an de marto 2004, kiam dek bomboj eksplodigis kvar madridajn trajnojn. Legu lian artikolon sur p. 7-9 kaj eksciu ne nur pri tio, kio okazis la 11-an de marto en Madrido, sed ankaŭ pri la kialoj kaj la sekvoj de tio (vd. ankaŭ alian artikolon el Hispanio, kiu prezentas iom alian vidpunkton, sur p. 11).

Multaj el ni scias pri la grandega paclaboro de la forpasinta Papo Johano Paŭlo la Dua**. Marija Belošević**, Kroatio, rakontas pli pri la granda kontraŭterorisma agado de la Papo (p. 10-11).

Eble vi iam aŭdis la nomon *Animal Liberation Front* – organizo, kiun iuj nomas "terorista". *Kontakto* intervjuis ĝian aktivulon por ekscii pli kaj lasi la decidon pri la praveco de tiu ĉi onidiro al niaj legantoj.

Kaj tio certe ne estas ĉio – atendas vin akra diskuto en la rubriko "Opinie", recenzo kaj rakonto pri "oraj insuloj" de Georgio! Sed antaŭ ol tuj iri al la artikoloj, mi volus turni vian atenton al kelkaj aferoj.

– Ne ekzistas iu internacie akceptata difino de terorismo – ĝi daŭre estas objekto de senĉesaj diskutoj inter akademianoj, politikistoj, ĵurnalistoj, vortaristoj ktp. Iuj difinas terorismon kiel "batalon inter civilizacioj/ religioj"; laŭ la vidpunkto de aliaj ĝi havas sociajn radikojn.

– Apud la nocio "terorismo" estas ofte uzata la nocio "ŝtat-terorismo". Ĉu estas klara distingo inter tiuj du nocioj? Ĉu unu kaŭzas la alian (ekz., ĉu malhumana traktado, kiun spertas usonaj malliberigitoj, instigas al plia terorismo)? Ankaŭ tiuj ĉi demandoj ne trovis iun ĝenerale akceptatan respondon.

– Aliaj diskutindaj demandoj estas, ekz., ĉu oni povas nomi radikalajn ekologiajn organizojn "terorismaj" kaj ĉu foje celoj (ekz., sendependiĝo, ĉesigo de ŝtata terorismo) povas pravigi terorismajn rimedojn.

– Neniu konata terorisma organizo nomas sin "terorisma".

– Terorismaj agoj estas konataj jam de la unua jarcento de nia erao, kiam zelotoj atakis subtenantojn de la Romia Imperio, kiu okupis Palestinon. Sed povas esti, ke ankaŭ pli frue oni uzis terorismon.

– La vorto "terorismo" venas de la franca lingvo. Ĝi aperis en la 18-a j.c. kaj baziĝas sur la latina vorto *terrere* (timigi). Unue ĝi estis uzita en 1795 por priskribi la amas-murdojn fare de jakobenoj dum ilia regado en la post-revolucia Francio.

– En la 11-a j.c. kaj islamanoj (ekz. sekto Hash-Ishiim) kaj kristanoj (ekz. krucmilitantoj) uzis terorismajn rimedojn.

*Ĵenja*

# <ENHAVO>



## Temoj de la venontaj numeroj de *Kontakto*:

– 2005:5. POLITIKO.
– 2005:6. FESTOJ. Limdato: la 10-a de oktobro.

Ĉiuj viaj artikoloj, ideoj, konsiloj, rimarkoj estas pli ol bonvenegaj kaj tre bezonataj! Kontaktu la redakcion laŭ la nova adreso: *Kontakto*, 16800 Phillips Rd. Alpharetta, GA 30004 Usono; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. Se vi sendis ion al la malnova adreso, ne timu, via letero ĉiukaze atingos la redakcion, simple kun ioma malfruo.

### Kiel sendi kontribuojn al *Kontakto*?

- ✔ sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan
- ✔ se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi
- ✔ *Kontakto* ne estas movada revuo, do *ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!*
- ✔ indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo
- ✔ fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- ✔ dikajn kovertojn prefere sendu registritaj
- ✔ rete bv. sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv. uzi x-kodon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- ✔ ilustraĵoj kaj adresoj en la interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj! **Koran antaŭdankon!**


***Kontakto***: Dumonata socikultura revuo de **Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** (TEJO), eldonata de **Universala Esperanto-Asocio** (UEA). **Fondita** en 1963. **N-ro 208** (2005:4), 42-a jarkolekto. **ISSN** 0023-3692. **Legata** en ĉ. 90 landoj. **TTT-paĝo:** <http://www.tejo.org/eldonoj.jsp>. **Eldonanto** (administrado, abonoj, anoncoj): **UEA:** ✉ Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. **Redakcio:** *Kontakto,* 16800 Phillips Rd. Alpharetta, GA 30004 Usono; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. **Redaktoro:** Eugenia Amis (Ukrainio/Usono). **Vic-redaktoro:** Joel Amis (Usono). **Ĉef-korektisto:** Paŭlo Moĵajev (Ukrainio). **Presado:** Skonpres, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. **Konstantaj kunlaborantoj:** Joel Amis (Usono), Tatjana Auderskaja (Ukrainio), Giancarlo Baraldi (Italio), Morteza Mirbaghian (Irano), Paŭlo Moĵajev (Ukrainio), Saliko, (Finnlando), Behrouz Soroushian (Irano/Francio). **Facillingvaj artikoloj** estas verkitaj en la niveloj t*re facila* kaj *facila,* laŭ la vortolisto de *Kontakto*. Tiu listo aperas kun la unua numero ĉiujare. **Anonctarifo:** Tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30 %. Por anoncoj bv. kontakti UEA. **Anoncetoj:** por *Anonctabulo* kostas tri internaciajn respondkuponojn por dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. **Abontarifo:** varias laŭlande. Petu informojn de UEA. **Malfortvidantoj:** povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu du 60-minutajn kasedojn al Elise Lauwen, Fort Alexanderstraat 16, NL-5241 XG Rosmalen, Nederlando. ***Kontakto* en radioj:** Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz)): *Radio Havano (Kubo)* Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio/ 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22.00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). *Pola Radio:* elsendoj:13:30/41,23/7 275; ripetoj: 18:00/42.07/7 130; 20:00 kaj 9:30 sekvan tagon (nur per satelito). La satelita ricevo eblas per: Eutelsat II F – 6 – Hot Bird – 13 gradoj de la orienta latitudo; frekvenco 11,474 GHz, polarizado horizontala (H); subportanto 7,38 MHz. <http://www.wrn.org/ondemand/poland.html>, <http://www.radio.com.pl/polonia/esperanto_eo.asp>, <http://start.at/retradio>

# Terorismo: Difino kaj defendo


Irakaj artistoj kontraŭ terorismo

INTERRETO

*Axel ORSZÁG-KRYSZ, Hungario**

**Kio estas terorismo? Ĝi estas problemo, kiu hodiaŭ jam timigas la loĝantaron de preskaŭ la tuta mondo.**

Estus vane pensi, ke ĝuste ĉe ni, en ajna lando estas neeble konstrui kaj funkciigi teror-organizon. Ĉiuj kondiĉoj ĉeestas en ajna lando. Same estus vane opinii, ke terorismo estas problemo, kiu ne havas solvon. Ekzistas solvo por la plimulto de la problemoj ĉirkaŭ la homaro – tiel certe ankaŭ por terorismo. Sed solvo de problemo ĉiam komenciĝas per ekkono kaj difino de la koncerna afero.

Kio do estas terorismo? Ĝi estas kolekto de metodoj pri konspirado, organizado kaj plenumado, kiuj estas uzeblaj por daŭra aŭ provizora malbonigo de vivkondiĉoj aŭ de fizika stato, por mortigo de civiluloj, por damaĝado aŭ neniigo de simboloj de komunumoj aŭ por timigo per supre menciitaj aferoj. Per ilia helpo la komunumo aŭ grupo, kiu uzas ilin, volas efektivigi sian volon kontraŭ la pli granda komunumo, ŝtato aŭ ŝtatalianco.

Tio ĉi supre sonas iom komplike. Ni rigardu do la difinon en ĉiutaga vivo. Grava momento estas la celo. Mi opinias, ke ni povas fidi je la ĝenerale bona sinteno de la homo, do sencele, nur pro la ĝojo de neniigo, neniu komplotas, kaŝas sin kaj detruadas dum jardekoj. La grupo aŭ komunumo, kiu uzas terorismon, certe opinias, ke ne ekzistas alia vojo por akiri la deziratan celon.

Indas mencii, ke la ilaro de terorismo estas dividebla je du partoj: organiziloj kaj plenumiloj. Estas evidente, ke ĉio estas subordigita al la plenumado, ĉar la plenumado estas la ago, kiu – almenaŭ laŭ la planoj de la elpensintoj – pleje kondukas al la deziregata celo.

Estas grava ankaŭ tio, ke terorismo – kaj ĉefe plenumado – ĉiam estas direktata kontraŭ alia komunumo. Se ni batadas regule nian najbaron aŭ la maljunan sinjorinon, kiu loĝas en la strato, tio ne estas teroro, nur "terurado".

> **"Terorismo estas nek nacio, nek religia komunumo, nek minoritato. Ĝi povas karakterizi ajnan personon sendepende de sekso, aĝo, religia aŭ etna stato"**

Same grave estas, eĉ estas ŝlosilelemento, ke la plenumaj agoj de terorismo ĉiam direktiĝas kontraŭ civiluloj – kutime per armeaj iloj. Tie ĉi nun devus esti kelkaj malplenaj paĝoj, trafoliumante kiujn tute silente la leganto povu pensadi, kiom da agado per armeaj iloj direktiĝis kaj direktiĝas en la historio kontraŭ civiluloj.

Konspirado estas signifa elemento de la difino. Teror-organizoj kutime ne anoncas sin, "jen ni estas, bonvolu enregistriĝi". Terorismon forte karakterizas la neleĝeco kaj kaŝemo. Pleje gravas tamen, ke terorismo estas speciala kolekto de iuj metodoj. Kio rezultas de tio? Ke terorismo estas nek nacio, nek religia komunumo, nek minoritato. Ĝi povas karakterizi ajnan personon sendepende de sekso, aĝo, religia aŭ etna stato. Terorismo ne estas en la genoj de homo. Tio signifas, ke terorismo ne estas neniigebla per neniigo de nacio aŭ de ĉiuj teror-organizoj.

Ni rigardu simplan ekzemplon. Kuirado similas terorismon laŭ pluraj vidpunktoj: ĝi konsistas el organiza kaj plenuma parto, oni atingas celojn per ĝi kaj plej grave ĝi estas speciala kolekto de iuj metodoj. Ni imagu – nur por la ekzemplo – ke iu ŝtato pensas, ke damaĝas por la nacio, ke homoj hejme kurias, ĉar tio signifas grandan perdon de ŝtataj enspezoj (pli da restoracioj, pli da impostoj, pli da laborlokoj ktp.). Pro tio la koncerna lando decidas, ke la "civila" kuirado estas malpermesata. Malgraŭ tio, kompreneble, kelkaj homoj daŭre kuiros hejme kontraŭ la leĝo, ĉar ili ŝatas la hejmajn manĝaĵojn. Ni konjektu, ke la afero fariĝos mondskala, kaj oni persekutos per ĉiuj iloj la "civilan" kuiradon kaj eltrovos gravajn klarigojn pri la kialoj. La hejma kuirado tamen ne malaperos! Ĝi ne malaperos, ĝis la bezonoj de tiuj, kiuj ŝategas la hejmajn manĝajojn, estos aŭskultataj, akceptitaj kaj almenaŭ parte plenumitaj.

Ni devas konatiĝi kun terorismo, kiel kun kolekto de metodoj, kiel fenomeno kaj kiel problemo, kiu estas en nia najbareco, do ni devas kalkuli je ĝi, difini ĝin kaj batali kontraŭ ĝi per taŭgaj iloj kaj metodoj efike.

* tio ĉi estas la fragmento de Antaŭparolo de Axel ORSZÁG-KRYSZ el la libro *Manlibro de terorismo* de Alfonz TÁRNOK, afable disponigita de Axel ORSZÁG-KRYSZ.



> **"Terorismo ne estas neniigebla per neniigo de nacio aŭ de ĉiuj teror-organizoj"**

INTERRETO

# “Terorismo ne funkcias tiel, kiel teroristoj supozas. La reago ĉiam estas preskaŭ tiel malracia, kiel terorismo mem”


FOTISTO: JIM MEDRANO

**Thomas Eccardt estas 52-jaraĝa gimnazia anstataŭa instruisto kaj aŭtoro de la libro “*Secrets of the Seven Smallest States of Europe*” (*Sekretoj de la Sep Malplej Grandaj Eŭropaj Landoj),* kiu aperos en aŭtuno 2005. Li loĝas en Novjorko, nur tri kilometrojn de la Mond-Komerca Centro (MKC).**

**“Kelkajn sekundojn post kiam mi vidis televide la falojn de ambaŭ turoj, mi aŭdis ĝiajn tondrajn sonojn. Eble mil homoj mortis pro ĉiu falo. Dum pluraj horoj oni ne sciis, kiom da aviadiloj falos sur nian urbon”**

***– Baldaŭ estos jam kvar jaroj post la plej granda terorista atako… Kie vi estis kiam ĝi okazis? Ĉu vi povas “mense translokiĝi” en tiun tempon kaj rememori viajn sentojn, impresojn – ĉion kion vi vidis kaj aŭdis?***

– La 11-an de septembro de 2001 matene mi ankoraŭ estis hejme, ĉar en tiu tempo mi estis senlabora. Mia tiama kunloĝanto preparis sin por iri al sia laborejo en restoracio dek stratojn for de la MKC. Dum mi matenmanĝis, mi aŭdis per radio, ke aviadilo trafis unu el la turoj. Mi diris al mia kunloĝanto, ke antaŭ pli ol 60 jaroj aviadilo trafis la *Empire State Building* [empajr stejt bilding] sen katastrofo... Post kiam li foriris, oni anoncis, ke dua aviadilo frapis la alian turon. Mi tuj pensis pri Osama bin Laden, kvankam en tiu tempo mi eble iomete eraris pri la ĝusta prononco de lia nomo.

Kompreneble mi ŝaltis la televidilon por vidi la aferon. Post nelonge tiu elsendado haltis, ĉar sur la unua turo estis la anteno de ĉiuj kanaloj krom unu kaj de multaj radistacioj. Mi kaj mia kunloĝanto perdis kontakton por preskaŭ la tuta tago, ĉar estis problemoj pri la telefonservo en tiu regiono. Ankaŭ miaj familianoj ne sukcesis kontakti min pro la troa uzado de la dratoj. Malgraŭ la ĥaoso, mi eliris por voĉdoni, ĉar tiu mardo estis loka elektotago (ĝia rezulto, cetere, poste estis nuligita). Ekster la apartamento mi povis klare vidi la brulantajn turojn kun la giganta nubo de fumo. Mi provis bicikli tien por helpi aŭ almenaŭ vidi, sed policistoj malpermesis al mi alproksimiĝi. De kilometro kaj duono, tamen, mi renkontis plorantajn fuĝantojn.

La terorisma atako sukcesis teruri min. Kelkajn sekundojn post kiam mi vidis televide la falojn de ambaŭ turoj, mi aŭdis ĝiajn tondrajn sonojn. Eble mil homoj mortis pro ĉiu falo. Dum pluraj horoj oni ne sciis, kiom da aviadiloj falos sur nian urbon. Mi sekvis ĵurnale terorismon jam en pluraj landoj – Israelo, Norda Irlando, Srilanko ktp., kaj mi sciis, ke registaroj ĝenerale pligrandigas ĝin per naciisma reago. Mi plu ĉagreniĝis, ĉar en tiu momento mi certis, ke pro tio Bush reelektiĝos.

Mi persone konis neniun, kiu perdis sian vivon en la katastrofo – oni sendis al la turoj la samfajrobrigadanojn de mia kuzo, sed bonŝance oni igis lin resti. Tamen malbonodora fumnubo ĝenis la urbon dum la venontaj kvar monatoj. Estis aparte dolorige memori, ke tiu fumo konsistis parte el forbrulintaj homaj korpoj. Televida kaj radia elsendoj estis malbonaj dum jaro. Kaj poste okazis la konata afero pri leteroj de antrakso. Do, en tiu tempo, mi supozas, mi spertis iom de la ŝoko de milito.

***– Mi legis vian versaĵon “Al la ĝemelaj turaĉoj” kaj mi ankaŭ aŭdis, ke ĝi ekigis polemikon inter esperantistoj en Usono. Ĉu vi povas rakonti kaj klarigi al ni proze, kion vi volis diri per ĝi – kiu estis ĝia ĉefa mesaĝo?***

– Mi opinias, ke verkinto nek devas nek povas klarigi sian versaĵon. Mi nur diros, ke leganto, kiu ne komprenas, ke mia kulpigado de la turoj estis metafora, devas relegi la versaĵon. Kaj relegi ĝin, ĝis kiam tio estos klara.

**“Mi alkutimiĝis al la impona ekzisto de la ĝemelturoj, kaj ĝis nun, kiam mi rigardas suden, ŝajnas kvazaŭ oni forprenus monton”**

***– Ĉu via rilato (tre negativa, evidente) al la turoj ĉiam estis sama – vi ja skribis en la versaĵo, ke ili, ekz., perturbis televidan ricevon, estis kiel malliberejo por la laborantoj kaj timigis ilin per granda balanciĝo (ĉu vi interalie mem iam estis tie?). Aŭ ĉu eble la terorista atako ŝanĝis vian opinion? Kio cetere estas nun sur la loko, kie staris la turoj? Mi aŭdis pri diversaj planoj, sed tamen ne scias kiel aspektas ĉio ĝuste nun.***

– Sincere, mi neniam ŝatis la tro-geometrian dezajnon de tiuj turoj. Malkiel ĉe multaj homoj, mia opinio neniam ŝanĝiĝis. Kompreneble, mi alkutimiĝis al la impona ekzisto de la ĝemelturoj, kaj ĝis nun, kiam mi rigardas suden, ŝajnas kvazaŭ


INTERRETO

oni forprenus monton. Mi fakte laboris en unu el la turoj, kaj mi spertis ĝian balanciĝon kaj ĝiajn strangajn fenestrojn. Nuntempe estas planko en la truo, kie la turoj staris, sed malmulte da konstruado. Okazas polemiko pri la planoj de rekonstruado. Oni intencas konstrui eĉ pli grandan turon – eble, kiel inviton al estontaj teroristoj... Ĝia nomo estos "libereca turo," ĉar oni ial supozas, ke la celo de la terorisma atako estis forpreni nian liberecon. Ironie, tio okazis, ĉar unu el la unuaj agadoj de nia registaro post la atako estis ĝuste limigi la homajn rajtojn.

**"Se oni varbas teroristojn per politikaj movadoj, la solvo estas nuligi la kaŭzojn de tiaj movadoj, ne milito"**

***– Se oni iros al interretaj serĉiloj kaj entajpos la vortojn "9/11, konspirteorioj" aŭ ion tian, oni trovos centojn da miloj da retpaĝoj kun diversaj supozoj kaj teorioj, kial kaj kiel ĉio okazis. Same en aliaj retpaĝoj oni klarigas, kial tiu aŭ alia konspirteorio ne estas ĝusta. Vi certe legis multe pri tio – do, ĉu vi eble havas vian propran vidpunkton pri tio, kiu okazis en Usono en tiu mateno – kaj kial?***

– Mi ne emas kredi je konspiroj – nek pri la murdo de John F. Kennedy, nek pri la terorisma atako. Certe, mi surpriziĝis, ke tia atako povis okazi. Mi ankoraŭ miras, kiel – eĉ mens-malsanaj – homoj povas sinmortige murdi tiom da senkulpaj homoj! Estas strange al mi, ke malmulte da spertuloj parolas pri ilia mensmalsaneco – oni klasifikas la aferon precize kiel politikan agadon: ili estis aŭ malamikoj aŭ kuraĝaj soldatoj. Sed se oni varbas teroristojn per politikaj movadoj, la solvo estas nuligi la kaŭzojn de tiaj movadoj, ne milito.

***– Ĉu 9/11 iel ŝanĝis vin persone kaj Usonon (precipe Novjorkon) ĝenerale? Se jes, kiel? Ĉu iel ŝanĝiĝis via mondrigardo?***

– La atako de 9/11 konsciigis min pri la ebleco de eĉ pli teruraj terorismaj atakoj. Tion sentis certe ĉiu usonano. Novjorkanoj scias, ke nia urbo estas grava celo por tiaj atakoj. Terorismo ne funkcias tiel, kiel teroristoj supozas. La reago ĉiam estas preskaŭ tiom malracia, kiel terorismo mem. Anstataŭ pensi pri la plendoj de la teroristoj, la atakitoj tipe agas eĉ pli malagrable ol antaŭe. Tio okazis en Norda Irlando. Kaj la milito en Irako certe kreos pli da terorismo ol ĝi eliminis. Interese, tamen, kelkajn monatojn post 9/11, Usono elprenis siajn militistojn de Saud-Arabio, kio estis unu el la ĉefaj plendoj de bin Laden. Tio ne hazarde ricevis malmulte da reklamo.

***– Kiel la atako influis la politikajn opiniojn de novjorkanoj? Ekzemple, Bush ĉiam mencias 9/11 kaj la "militon kontraŭ terorismo". Kiel novjorkanoj rilatas al tio?***

– Novjorko ne estas tipa usona urbo, kaj malgranda elcentaĵo voĉdonis por Bush. Ĉi tie oni rekonas ĉe li la "1984"*-ecan politikan teknikon: menciu du aferojn en la sama frazo, kaj via aŭdantaro mense asocios ilin, eĉ se vi vorte ne esprimis ligon inter ili. Tio funkciis tiel bone pri "Irako kaj terorismo", ke li nun uzas ĝin rilate al pluraj aliaj aferoj.

La atako de 9/11 certe lasis cikatrojn ĉe la novjorkanoj. Amiko mia foje parolas pri la "bona tempo antaŭ 9/11". Kaj mi iasense kunsentas kun tiu vidpunkto, ĉar mi estis pli trankvila antaŭ tiu tago, ol mi estas nun. Mi esperas, ke la hororo de la atako estontece malinklinigos la homaron ripeti ĝin. Sed la terorismaj atakoj en Balio, Madrido kaj Londono senkuraĝigas mian esperon...

Intervjuis Ĵenja kaj Joel Amis

* "1984" – la plej fama verko (politika romano) de angla aŭtoro George Orwell [ĝorĝ orŭel] (1903-1950), malluma profetaĵo pri la Okcidento







## Al la ĝemelaj turaĉoj

*Thomas Eccardt*

Ho ĝemelaj turaĉoj, supozeble vi estis defiantoj
de la *Empire State Building*.
Malkiel la vera simbolo de Novjorko,
vi naskiĝis en nekonata angulo de Manhattan.
Vi kreskis moderne, rapide, plaste, minimume pli alte ol via antaŭulo.
Pro viaj longaj mallarĝaj fenestroj, viaj oficejoj similis malliberejojn.
Pro via absurda grandeco, vi perturbis eĉ la televidan ricevon,
ĝis kiam oni transdonis al vi la regionan antenon.
Ekde tiam, vi fariĝis emblemo de Novjorko, almenaŭ por eksteruloj.
Antaŭnelonge mi legis, ke vi fariĝis gravaj fulmogardiloj
por suda Manhattan.
Fine, vi, ĝemelaj turaĉoj, fariĝis fulmogardiloj por terorismo.
Ho ĝemelaj turaĉoj, pro via malnatura, geometria formo,
vi ŝajnis malstabilaj.
Efektive, dum forta vento, via balanciĝado timigis viajn okupantojn.
Antaŭnelonge mi legis, ke je via lasta horo vi balanciĝis tri metrojn.
Sed ne por eviti la aviadilojn.
Dum kelkaj minutoj, via propra anteno
dissendis la bildon de via agonio.
Sed baldaŭ ĝi eksilentis, kaj interrompis televidan servon dum duonjaro.
Kontraŭ antikva novjorka kutimo, viaj eskapŝtuparoj
troviĝis ne ekstere, sed en via koro.
Do la aviadiloj tuj detruis ĉiujn viajn eskapilojn,
kaptante viajn okupantojn.
Dum mia juneco, oni spekulativis
pri saltado el la *Empire State Building.*
Nur vi, ĝemelaj turaĉoj, realigis tiun revon.
Ho ĝemelaj turaĉoj, via falo forviŝis ne nur milojn da vivoj.
Vi detruis ortodoksan preĝejon,
kaj ĉiujn aliajn konstruaĵojn kun via adreso.
Vi detruis metroojn, vendejojn,
kaj vi forte damaĝis plurajn najbarajn konstruaĵojn.
Por monatoj vi interrompis komercon, elektroservon, telefonservon,
kaj vi maltransirebligis la najbaraĵon.
Kaj vi senhejmigis kaj senlaborigis milojn da homoj.
Dum tiuj monatoj, vi dissendis fumaĉon de asbesto tra la tuta novjorka
regiono.
Flanke, vi detruis mian fidon je la homaro.
Nun vi ne plu estas fieraj turoj, sed truoj.
Sincere, vi, ĝemelaj turaĉoj, devis neniam naskiĝi!

# Robeno

Facila

*Sejjed Navvab Mozaffari, Irano*

Robeno estis tre juna, tamen tre **pia**! Li vivis **akorde** kun sia propra viv-maniero. Li portis longan nigran – sed puran – mantelon, kaj sub la mantelo – blankajn purajn subvestaĵojn. Li ne **drinkis** – nur trinkis akvon kaj teon. Li manĝis panon kaj **olivojn**, kaj eĉ ne tuŝis viandon. Li studis multajn librojn, sed li dividis ilin en du gravajn specojn: gvidantaj kaj malgvidantaj libroj. Kaj la malgvidantajn librojn – kiuj estis pli multaj ol aliaj – li bruligis per fajro. Kiam li pied-iris sur la stratoj de la urbo, la homoj montris lin unu al la alia kaj deziris, ke iliaj idoj estu similaj al Robeno. El inter-paroloj de la popolo trafis miajn orelojn la jenaj:

– Rigardu! Kiel trankvile kaj peze li piediras!

– Vi ankoraŭ ne **flaris** lin! Bonodora kiel majaj rozoj estas li.

– Vi devas konsideri liajn parolojn! Liaj vortoj trairas la tutan animon.

– Mi rekomendas al vi – ne rigardu rekte en liajn okulojn. Lia rigardo **penetros** viajn okulojn!

Mi certas, ke se vi estus tie, vi malkovrus aliajn mirindaĵojn en la kara esto de Robeno. Pro tiom da popola atento, Robeno penis esti pli kaj pli pia de tago al tago. Li penadis montri sian piecon al la popolo de sia malgranda urbo sur stratoj, dum festoj kaj **ceremonioj** kaj dum la gastadoj…

Iun matenon, kiam Robeno pretigis sin eliri el la domo, kiam la sunradioj radiis el la suno, subite venis en lian kapon la voko: "Vi estas vera kredanto!" Robeno ektimis, ektimegis, **ektremis** kaj falis sur la teron. Kiam li retrovis sin post kelkaj minutoj, li estis tre kontenta. Lia vizaĝo lumis. Liaj lipoj brilis pro rideto, kaj ia nekonata sento trafluis lian tutan korpon…

Pasis kelkaj semajnoj. Venis al li granda malgajo kaj malĝojo. Kial? Tute simple: aliaj homoj ne estas samaj, kiel Robeno la Kredanto! Se ĉiuj homoj de la urbeto **admiras** Robenon – kial ili ne devas esti kiel li? Kial aliaj homoj ne devas kombi siajn harojn kiel Robeno? Kial aliaj homoj ne devas uzi rozan odorigaĵon, kiun uzas Robeno? Kial aliaj homoj ne devas porti longajn nigrajn – sed purajn – mantelojn? Kial aliaj homoj ne devas piediri tiel peze kaj trankvile, kiel faras Robeno? Kial aliaj homoj ne devas diservi kiel Robeno? Kial aliaj homoj ne devas trinki, ridi, plori kaj pensi kiel Robeno? Robeno sciis, ke lia vojo estas la elektita vojo. Lia penso estas plej brila penso. Denove la voĉo vokis: "Vi estas bona ekzemplo de via urbo. La popolo de la urbo devas obei vin, devas vivi kaj pensi same, kiel vi vivas kaj pensas".

Sed la popolo ne estas kiel Robeno! Kaj tio malgajigis Robenon… Li komencis montri la vojon al siaj samurbanoj, perdintaj ĝin. La voko cirklis en lia kapo: "Vi povas kaj devas gvidi la popolon. Ili estas gvidotaj, kaj vi estas gvidanto. Vi rajtas gvidi ilin. Vi estas pli perfekta, pli pia, pli kredanta kaj pli proksima al ni!"

Robeno komencis de sia familio. Li klarigis la Diajn Volojn al siaj patro, patrino, frato, fratino, servistino kaj ĉiuj gastoj. Krom tio, Robeno ekis gvidi la najbarojn, poste – la homojn piedirantajn sur la stratoj. Finfine li klopodis gvidi ĉiujn homojn de la urbo.

Ju pli Robeno strebis, des malpli bonajn rezultojn li ricevis. Iom post iom lia espero malgrandiĝis. La popolo ne volis esti gvidata. La homoj ne emis esti samaj kiel Robeno. Ili amis Robenon, sed nur kiam ili estis *ili* kaj Robeno estis *Robeno*. Se ili estus samaj kiel Robeno mem, ili ne plu amus Robenon. Sed Robeno ja amus Robenon! La popolo diradus, ke tio estas **egoismo**, **narcisismo**, memamo ktp.!.. Ho, kiom da kialoj la homo povas trovi por ne esti gvidata! Robeno fariĝis tute malespera.

Iutage Robeno faris sian finan decidon: tiu, kiu estos gvidata, estos "unu el ni", kaj la aliaj ne estos vivaj. Li prenis kelkajn mortigilojn – tranĉilegon, **venenon, pafilon**, bruligilon ktp. Li demandis sian patron: "Kial?.." kaj mortigis sian patron. Eble la respondo de la patro ne estis la sama, kiun atendis la filo! Li demandis sian patrinon: "Kial?.." kaj mortigis sian patrinon! Eble la respondo de la patrino ne estis tiu, kiun atendis Robeno. Li demandis siajn fraton, fratinon, servistinon, najbarojn... kaj mortigis ilin ĉiujn. Iliaj respondoj al la demandoj pri Dia Volo ne estis akordaj kun la Robena kredo.

Tiu rondira voko turniĝis en la kapo de Robeno kaj donis al li senfinan forton kaj energion. Li parolis kun multaj homoj, sed ne estis eble paroli kun ĉiuj homoj de la urbo. Tial Robeno mortigis kiun ajn li vidis. Robeno mortigis ĉiujn restintajn homojn de la urbo eĉ sen ajna demandado. Ja ĉiuj homoj estas similaj unu al la alia. Robeno pensis, ke eĉ se iu senkulpulo – kaj ili ja estas nur malmultaj – estos mortigita, li fariĝos **martiro** kaj eniros la Dian Trankvilon.

Pasis kelkaj semajnoj. Videblis neniu viva homo en la urbo. Nur kelkaj nigraj birdoj flugis tien kaj reen. Robeno pensis, ke li estas la sola vera kredanto de la urbo, tute akorda kun la Dia Volo. Subite li sentis fortan malvarmon. Tiu konata voĉo forte, frenezige kaj kruele rondis en lia kapo: "Ha ha ha, **mizera** Robeno! Vi jam plene vendis vian animon al Mi!"

**admiri** – miri pri iu, ŝategi, amegi
**akorde** – sam-ece
**ceremonio** – geedziĝo aŭ en-ter-igo (ekzemple) estas ceremonioj
**drinki** – trinki fortajn trinkaĵojn
**egoismo, narcisismo** – memamo
**flari** – senti odorojn
**martiro** – homo, kiu suferas kaj mortas pro sia kredo
**mizera** – malriĉa, malfeliĉa materiale aŭ mense
**pafi** – ĵeti per ilo
**olivo** – frukto, el kiu oni ofte faras oleon
**penetri** – trairi
**pia** – ekstreme religiema
**tremi (ektremi)** – moviĝi, ekmoviĝi
**veneno** – se oni trinkas aŭ manĝas ĝin, oni povas morti

## Teroro en Hispanio:

# Impresoj de madridano



Se la bomboj eksplodus je la planita tempo, la kvanto de la viktimoj povus esti kelkoble pli granda... (Atocha matene la 23-an de februaro 2005); malgranda foto – en la matena trajno

*Marco Trevisan Herraz, Italio/Hispanio*

**La 11-an de marto 2004 en Madrido okazis unu el la plej sangaj terorismaj atakoj en la tuta eŭropa historio: 192 mortintoj kaj ĉirkaŭ 1400 vunditoj. Dek el 14 bomboj eksplodis en kvar trajnoj je la 7:30 matene – la plej aktiva tempo de la tago. Tiujn trajnojn ĉiutage uzas laborantoj kaj studentoj, kiuj loĝas en la orientaj dormurboj kaj kvartaloj, por atingi la centron de Madrido. En tri malsamaj lokoj de Madrido mortis homoj el 15 malsamaj landoj, la plimulto en la trajnstacio Atocha, la plej granda de Madrido...**

## Antaŭ la atako

Por iom kompreni la kialojn de tiu kruelegaĵo ni rigardu la politikan situacion en Hispanio antaŭ la atenco. Hispanio estas "normala" eŭropa lando, kie ne estas militoj ekde 1939. Post la morto de diktatoro Francisco Franco [fransisko franko], antaŭ preskaŭ 30 jaroj, Hispanio estas demokratia lando kun demokratia registaro, kaj hispanianoj vivas relative pace unu kun la alia, kun la kutimaj problemoj. Aktuale Hispanio konsistas el 17 aŭtonomaj regionoj, kiuj havas proprajn parlamenton kaj registaron (tre simile al federaciaj ŝtatoj de aliaj landoj), 50 provincoj kaj du aŭtonomaj urboj en norda Afriko. Bedaŭrinde, foje aperas en la novaĵoj raportoj pri atakoj de ETA – terorista organizaĵo, kiu celas sendependiĝon de Eŭskio*. Same kiel aliaj teroristaj organizaĵoj, ETA kredas, ke eblas atingi siajn celojn perforte, kaj jam ĉirkaŭ 900 homoj estis murditaj de ili – ĉefe militistoj, politikistoj, ŝtataj laborantoj kaj multaj aliaj civiluloj. La plej sanga atenco de ETA okazis en 1987, en la vendejaro *Hipercor* [iperkor] en Barcelono, kie mortis 21 homoj.

Kiam mi estis infano, foje vekis min bomba eksplodo – bombo de ETA eksplodis nur ĉ. 200 metrojn for de nia hejmo en Madrido... Mi tre bone memoras la sonojn de la ambulancoj kaj la helikopteroj, kiuj venis por helpi la vunditojn. Sed eĉ malgraŭ tiuj unuopaj atakoj Hispanio estis sufiĉe sekura lando, kaj mi neniam sentis danĝeron. Eŭskio ne estas la sola sendependiĝema regiono en Hispanio. Ankaŭ multaj homoj en Katalunio kaj iuj en Galegio volas sendependiĝon, tamen en tiuj ĉi regionoj ne ekzistas terorismaj organizaĵoj – oni agas nur politike.

La 14-an de marto de 2004 estis okazonta tutlanda balotado por la nova registaro. La politikaj preferoj de la hispanianoj dividiĝis plejparte inter la du ĉefaj partioj – dekstra (PP – *Partido Popular*, Popola Partio) kaj maldekstra (PSOE – *Partido Socialista Obrero Español*, Hispana Socialista Laborista Partio). Ili havis pli-malpli egalan politikan "pezon" laŭ la enketoj kaj ne estis klare, kiu venkos. La tria – komunista partio – perdis pezon en la lastaj balotadoj, kaj oni kredis, ke la naciistaj partioj rompos la ekvilibron inter PP kaj PSOE kaj ludos decidan rolon en la elekto de la nova registaro. La naciismaj partioj estas popularaj ĉefe en Katalunio, Eŭskio kaj Galegio, kie ili fortiĝis dum la lastaj jaroj.

La 29-an de februaro la polico trovis du furgonojn kun 500 kg-oj da eksplodaĵoj kaj kaptis du suspektitojn de ETA: verŝajne ĝi planis ataki Madridon antaŭ la balotado. Tio ne estis la unua fojo, kiam ETA profitas la okazon sentigi sin. En februaro 2000 tri semajnojn antaŭ la balotado ili murdis du homojn. Kutime, kiam ETA eksplodigas bombon, tio gvidas al malaj efikoj: multaj voĉdonas por PP, ĉar ĝi estas fama pro sia nedialogemo kaj nefleksemo, kaj cetere ĝi estas tre kontraŭ la naciismo en Eŭskio kaj Katalunio, parolante ĉiam pri la unueco de la lando.

## Estas motivo!

La dekstra partio estis la ĉefa en Hispanio ekde 1996. Dum sia okjara regado ili tre zorgis pri la ekonomio, kiel kutime en la dekstraj partioj (ekzemple, la ĝenerala ekonomia krizo en Eŭropo tuŝis nek Hispanion nek Irlandon). Tamen PP estis, ĉefe dum la lastaj kvar jaroj, tre ordonema kaj tute ne zorgis pri la publika opinio. La ĉefministro** – José María Aznar – ne ŝatis diplomation kaj ofte ne akordigis siajn agojn kun aliaj politikaj fortoj de la lando. Okazis tiam ankaŭ gravaj krizoj: ekzemple, pri la petrolŝipo *Prestige*, kiu sinkis apud la galegia marbordo, la manipulado de la amaskomunikiloj, la problemo de enmigrado ktp. Tamen la ĉefa kialo de la malpopulareco de Aznar inter multaj homoj estis lia subteno de la usona milito en Irako. Liaj fotoj kun Bush kaj Blair en la Acoraj Insuloj, diversaj mensogoj pri la milito, kaj – plej grave – sendado de hispanaj soldatoj al Irako vekis en multaj hispanoj malsimpation kontraŭ la registaro, kaj samtempe de multaj nehispanoj kontraŭ la hispanoj.

Kelkaj famaj maldekstremaj aktoroj kaj reĝisoroj antaŭ la balotado eĉ filmis 32 mallongajn filmojn, konatajn kiel "*Hay motivo*" ("Estas kialo"), montrante diversajn kialojn, pro kiuj indas voĉdoni kontraŭ PP. La ĉefa kialo estis la milito en Irako. La filmoj ne aperis en la publika televido, ĉar ĝi estis kontrolata de la registaro, sed multaj homoj spektis ilin per interreto, projekciitaj en la universitatoj aŭ dank' al lokaj televidkanaloj.

## La 11-an de marto...

Malgraŭ ke tiu tago estis ĵaŭdo, mi ne vekiĝis je la kutima horo – mi ne intencis iri al la lecionoj de mia universitato ĉar okazis striko kontraŭ la politiko de PP. Tamen, mi devis iri por redoni du librojn al biblioteko. Je la sepa matene mi malfermis la okulojn – estis nuba, griza tago. Poste mi refermis la okulojn kaj dormis plian horon.

Je la oka mi vekiĝis. Mi kunloĝas kun kvar geamikoj, kaj unu el ili diris al mi, ke li ĵus aŭdis per la radio, ke verŝajne ETA ĵus eksplodigis bombon – je la 7:30 matene. Ve! Tiuj murdistoj! Tamen, mi ne intencis ŝanĝi miajn planojn por tiu tago kaj eĉ malgraŭ tio decidis iri al la universitato. Post matenmanĝo, mi iris al metrostacio O'Donnell, por atingi trajnstacion Nuevos Ministerios kaj veturi al la Aŭtonoma Universitato, kiu estas 15 km-ojn norde. Mi loĝis apud la hospitalo Gregorio Marañón kaj vidis, ke multege da ambulancoj iris kaj revenis de tiu hospitalo. La centra urba strato O'Donnell kutime estas brua, sed tiun matenon ĝi estis multe pli brua! Mi komprenis, ke tio estis pro la ĵus okazintaj terorismaĵoj kaj rememoris tion, kio okazis en mia kvartalo, kiam mi estis infano.

Metroe mi iris ĝis la trajnstacio Nuevos Ministerios, ankoraŭ ignorante la gravecon de tio, kio ĵus okazis. Lastatempe ETA ne murdis multe da homoj dum ĉiu atenco, kaj plurfoje temis pri murdo de iu homo antaŭelektita (tamen, tio tute ne signifas, ke ili estas "bonaj" aŭ "justaj" ĉar, kiel mi diris, entute ili murdis ĉ. 900 homojn dum sia historio), tial kutime tiuj atakoj ne ŝanĝis la ĉiutagan vivon de la urbo, kaj nur en la televido kaj en la koncerna

kvartalo videblis io nekutima.

En la metroo mi aŭdis homojn parolantajn pri la terorisma atenco. Verŝajne temis pri bombo en trajno... En trajno! Je la 7:30 matene! Je tiu horo la trajnoj estas plenplenaj. Povus esti multege da mortintoj. Eble pli ol dudek. Mi tuj ekpensis pri mia trajno – la trajno, kiun mi uzas ĉiumatene por iri al la universitato. Ĝis tiu tago mi ne timis terorismon, ĉar ja eĉ se estas terorisma danĝero, estas multe da aliaj danĝeroj en kutima ĉiutaga vivo, kaj tio ne signifas, ke ni devas ĉiam resti hejme. Sed ĉi-foje estis malsame: temis pri la trajnoj, kiujn mi uzas *ĉiutage*, je la sama horo.

En la trajnstacio Nuevos Ministerios estis malpli da homoj ol kutime; la laŭtparolila voĉo diris, ke ĉiuj trajnservoj kaj du (el dekdu) metrolinioj estas fermitaj. Tre impresis min vidi, kompreni, senti la realecon de tio, kio ĵus okazis. Mi pensas, ke multaj el ni tre (eble tro) alkutimiĝis al la televidaj, radiaj kaj gazetaj informoj pri terorismo, kaj foje ni sentas, ke tio ne estas okazaĵo de la reala mondo. Eĉ kiam ni scias, ke io okazas vere, ni tamen ne estas plene konsciaj pri ĝia realeco. La 11-an de marto 2004 mi komprenis tion...

Eble mi estas tre obstina, sed kiel ajn mi daŭre volis redoni la librojn al la biblioteko. Tial mi decidis reiri al la metroo, vojaĝi ĝis la norda metrostacio Plaza de Castilla kaj de tie veturi aŭtobuse ĝis mia universitato. Laŭ tio, kion mi aŭdis dank' al aliaj homoj, ŝajnas, ke la bombo estis en suda Madrido. Mi pensis pri multaj miaj geamikoj, kiuj loĝas en la sudaj kvartaloj. Mi sentis ion similan, sed multe pli intense, al tio, kio okazis la 11-an de septembro en Novjorko: informoj rapidege flugas de buŝo al buŝo – mi aŭdis multajn nematurajn kaj eĉ kontraŭajn informojn. Neniu scias ion. Neniu komprenas, kio okazis.

Laŭ unu versio, estis pli ol unu bombo en du trajnoj, laŭ aliaj – temis pri kvar bomboj en nur unu trajno. Oni tute ne scias, kiom da homoj mortis, sed oni certas, ke estas multaj. Ne temas pri "kutima" bombo. Ekster la metroo mi tuj telefonis al kelkaj geamikoj kaj familianoj por scii, ĉu ĉio estas en ordo kaj sciigi, ke miaflanke ĉio bonas. Mi telefonis ankaŭ al mia itala onklino por sciigi, ke ĉio bonas antaŭ ol ŝi spektos la televidon. Ne estas malkutime vidi homojn kun radioj, sed tiutage mi vidis eble kvinoble pli da ili.

En la aŭtobuso oni parolis pri masakro. La bomboj estis en la trajnstacio Atocha, kaj eĉ nun, pli ol jaron poste, larmoj venas al miaj okuloj, kiam mi rememoras tiun tagon. Kaj mi estas bonŝanca, ĉar mi ne perdis familianojn nek amikojn. Estas strange, kiom ŝanĝiĝas homoj en tiaj situacioj. Kutime, kiam mi iras al la universitato matene, homoj dormetas sur la seĝoj, iuj simple silentas kun dormema vizaĝo, aliaj legas librojn aŭ gazetojn aŭ aŭskultas muzikon. Malgraŭ la amikemo kaj la malfermeco de hispanianoj, des pli el la sudo, frumatene la madridanoj preskaŭ ne parolas unu kun la alia, aparte se temas pri nekonatoj. Sed tiu ĉi estis malsama tago. Preskaŭ neniu dormis. Preskaŭ neniu legis libron. Se iuj aŭskultis ion, tio estis ne muziko, sed radiaj informoj. Certe, estis kelkaj homoj, kiuj povis dormi aŭ legi eĉ malgraŭ tio, kio okazis, sed ili estis ege malplimultaj. Mi parolis kun viroj kaj virinoj, kun kiuj tutcerte en alia tago mi ne parolus.

## Teroristoj – malkuraĝuloj!

Mi finfine atingis mian universitaton, sed, kiel oni povus suspekti, la biblioteko estis fermita. Fermegita. La universitato estis malplena, kiel dimanĉe. Dum miaj universitataj jaroj estis tri strikoj en la universitatoj, sed neniam mi vidis ĝin *tiel* malplena. Dumvoje hejmen mi parolis kun la ŝoforo: li diris al mi, ke verŝajne estis 50 mortintoj kaj ke temis pri kvar trajnoj – du en Atocha kaj la aliaj en trajnstacioj inter Alcalá de Henares (kelkajn kilometrojn for de Madrido) kaj Atocha. Multegaj homoj el Alcalá de Henares vojaĝas al Madrido ĉiutage por labori, kaj en Atocha ĉiam estas multegaj trajnoj. Ili alvenas de ĉiuj urboj el Hispanio (ĉefe de la sudaj urboj), sed la plej uzataj estas ruĝ-blankaj "cercanías" [serkanias] – mallongdistancaj trajnoj, kiuj venas matene ĉiujn kvin minutojn kaj eĉ malgraŭ tio ĉiam estas plenaj.

La unuajn bildojn pri la atakoj mi vidis en la metroa televido, ree en Madrido. Videblis multege da sango, homoj plorantaj, helpantaj aliajn homojn en ambulancoj... Tiuj ĉi estas bildoj, kiujn ni ĉiuj vidis iam en la televido dum diversaj katastrofoj kaj militoj en la mondo. Ĉi-foje tio estis por mi ne io abstrakta, sed plene kaj frape reala: la rompitaj kaj detruitaj trajnoj sur la ekranoj estis la ruĝ-blankaj "cercanías", kiujn mi vidas kaj uzas ĉiutage, kun la samaj grizaj seĝoj, kun la samaj metakrilataj fenestroj... La atakoj al la Ĝemelaj Turoj certe tre dolorigis min, sed tamen ili ne faris la saman efikon, ĉar mi ja ne konis la lokon.


La vico por sangodonaco



Publika telefono kun reklamilo de PP en Puerta del Sol. Al la frapfrazo "*juntos vamos a más*" ("kune ni iras plien") iu aldonis la vorton "guerras": "kune ni iras al pliaj militoj"



Teroristoj malkuraĝuloj! (skribaĵo ĉe la enirejo al metrostacio)

En la metroo estis tre stranga etoso: de unu flanko, la homoj pli multe interparolis, sed samtempe senteblis granda silento – multaj parolis nur per sia rigardo, kaj aliaj klarege komprenis, pri kio ili pensas. Kelkfoje nekonato rigardas min kaj respondante mian silentan demandon diris: "Oni parolas pri 70 mortintoj". Sur la kajo de la metroo ĉiuj spektis la metroan televidon. La silenton rompis virino, kiu rerakontis al sia blinda filo tion, kio videblis sur la ekrano. Ŝia priskribo frostigis la sangon.

Reveninte hejmen, mi kun amiko serĉis en la interreto la novaĵojn el diversaj retgazetoj de la mondo. Madrido aperas en ĉiuj. Estas triste vidi ke via urbo estas fama pro io tia. Tutcerte madridanoj preferus aperi kiel urbo elektita por la Olimpikaj Ludoj de 2012.

La ĉefministro AZNAR aperis en televido kaj diris, ke temas pri ETA. Sciante, ke, bedaŭrinde, temas pri historia tago, mi decidis promeni en la urbo kaj foti. La situacio ne estis taŭga por iri al Atocha, do mi promenis al la centro de la urbo, kie mi ĝenus neniun. Ĉiuj flagoj estis duonlevitaj. Sur la muroj videblis multaj afiŝoj kun la skribaĵoj "*terroristas cobardes*" ("teroristoj malkuraĝaj") aŭ "ETA NO" ("ne' al ETA"). En la ĉefplaco Puerta del Sol staris aŭtobuso, kie oni povis donaci sangon por la vunditoj. Fakte, en la radio oni diris, ke Madrido petis de aliaj urboj, kiel Barcelono, multegajn litrojn da sango. Bonŝance, apud la aŭtobuso estis grandega atendovico.

Laŭ radio – la plej efika inform-medio en tiaj situacioj – estis entute dek bomboj en kvar trajnoj kaj pli ol cent mortintoj. Estis aliaj kvar

bomboj, kiuj ne eksplodis. Multegaj homoj perdis brakojn, krurojn, manojn... Aperis ankaŭ komuniko de la teroristoj de ETA, en kiu ili neis la respondecon pri la terorismaĵoj. La registaro tuj diris, ke ili mensogas kaj ke oni ne povas kredi al murdistoj.

Mi ne ŝatas televidon, sed vespere mi spektis ĝin – oni diris, ke la teroristoj celis eksplodigi la bombojn ĝuste kiam la trajnoj devis eniri la stacidomon, por mortigi ankaŭ la homojn, kiuj atendas la trajnojn sur la kajo. Kutime la kajo plenas, do, la kvanto de mortintoj povus esti eĉ du- aŭ triobla! Bonŝance, akurateco ne estas virto de la hispanaj trajnoj: la trajnoj malfruis je du minutoj.

Post kelkaj tagoj oni konkludis, ke estis pli ol 200 mortintoj, sed la posta genetika identigado montris, ke entute estis 192 kadavroj – oni unue pensis, ke temas pri pli da korpoj, ĉar multaj estis tute rompitaj pro la fortaj eksplodoj.

## Kaj poste?

La tri postaj tagoj estis tute hontigaj de la politika vidpunkto. Oni povis vidi, kion povas fari kelkaj politikistoj por venki en balotado. La dekstruloj de PP estis plenkonsciaj pri tio, ke se la bomboj estas de ETA, multe pli da homoj voĉdonos por PP, ĉar ilia politiko pri la sendependiĝemaj aŭtonomaj komunumoj estas strikta. Tamen, se la bomboj estis de Al-Kaido, ili havos problemon, ĉar tio tutcerte estas la rezulto de la registara subteno al la uson-brita milito en Irako.

Kiel oni malkovris poste, la registaro ekde la unua tago suspektis, ke temas pri la islamfundamentisma terorismo. La 11-an de marto oni trovis en Alcalá de Henares furgonon kun eksplodigiloj kaj sonbendoj kun arabaj versoj el la Korano, sed la registaro daŭre ripetis, ke sendube temas pri terorismo de ETA.

Persone mi suspektis Al-Kaidon jam en la sama vespero – miaopinie, la atenco estis simila al tiu de la Ĝemelaj Turoj: oni atakis multege da civitanoj, laboristoj, je eklabora horo, kaj eble la atencoj estis mem-mortigaj; poste tamen evidentiĝis, ke ne temas pri memmortigo – la teroristoj uzis poŝtelefonojn por eksplodigi la bombojn de malproksima loko. (Krome, la atako okazis 911 tagojn post la atako al Novjorko – Red.) Fakte, dank' al tiu ĉi sistemo, la kaŝpolicistoj jam ekde la 12-a de marto preskaŭ certis, ke temas pri islamfundamentisma terorismo: ili trovis poŝtelefonojn en bomboj, kiuj ial ne eksplodis, kaj dank' al tio ili eksciis, kiu organizis la atakon.

## "Diru malveron mil fojojn, kaj ĝi fariĝos vero..."

Malgraŭ tio, ke la 12-an de marto preskaŭ ĉiuj kaŝpolicistoj esploris nur unu eblecon – nome islamfundamentisman terorismon, la registaro rediris, ke oni esploras nur la eblecon de atakoj fare de ETA; ankaŭ televide oni parolis preskaŭ nur pri la eblecoj de la atakoj fare de ETA. Ĉiu informo aperanta en televido estis "zorgeme" kontrolata de la registaro. Nur kelkaj radikanaloj kaj kelkaj gazetoj povis libere informi... La 12-an de marto vespere oni organizis en Madrido kontraŭterorisman manifestacion. Mi estis tie kaj, malfeliĉe, vidis, ke multe da homoj havis afiŝojn "ETA NO" kaj similaĵojn. Fakte, la frapfrazo de la manifestacio (elektita de la registaro) alvokis al respekto de la hispana konstitucio – tio nerekte indikas, ke oni parolas pri ETA kaj pri la instigo al la demokratia vojo por la sendependiĝemuloj el Eŭskio. Ne estas ja ajna senco paroli pri "respekto al la konstitucio", se temas pri islamfundamentisma terorismo! Feliĉe, estis aliaj homoj, kiuj kunportis afiŝojn kun la vorto "paz" (paco) – preskaŭ certe pro la milito en Irako.

Malgraŭ tio, ke la regisitaro ordonis al la hispanaj ambasadejoj en la mondo informi la ĵurnalistojn pri la versio de ETA, la ĵurnalistoj de la aliaj landoj estis pli seriozaj kaj informis pri ĉiuj faktoj. Same kiel multaj aliaj, mi devis serĉi informojn ne troveblajn en la naciaj informiloj ĝuste en eksterlandaj retgazetoj!

La 13-an de marto oni arestis la unuajn suspektitojn. Tamen, eĉ kelkajn horojn post tiuj arestadoj, la ministro pri internaj aferoj rediris publike, ke "oni tute ne ĉesas konsideri la eblon pri terorismo fare de ETA". Verŝajne, la registaro aplikis la metodon "se oni malpravas, diru malveron mil fojojn, kaj ĝi fariĝos vero". La 13-an de marto vespere en strata rubujo apud la madrida moskeo Al-Kaido metis vidbendon, en kiu en la araba lingvo oni diras, ke nome Al-Kaido respondecas pri la terorismaj atakoj. Tiunokte la unua televidkanalo planis montri la filmon *Shakespeare in Love* (*Ŝekspiro enamiĝinta*), tamen la registaro decidis ŝanĝi la programon al dokumentfilmo "*Asesinato en febrero*" ("Murdo en februaro"), kiu temas pri la terorisma atenco de ETA en februaro de 2000, tri semajnojn antaŭ la tiujara balotado. Ĉu tio ĉi ne estas senhonta manipulado?!

## Publika opinio estas pli forta ol la mensogoj kaj manipulado!

La 13-an de marto vespere mi ricevis poŝtelefonan mesaĝon de amiko: oni organizis pacan manifestacion kontraŭ la registara manipulado apud la sidejo de PP. Bedaŭrinde, mi ne povis partopreni, ĉar tiam mi laboris, sed mi resendis la mesaĝon al aliaj geamikoj, kiuj povus partopreni. Post iom da tempo mi ricevis pliajn mesaĝojn pri aliaj similaj manifestacioj en aliaj partoj de Madrido: Puerta del Sol (la koro de la urbo) kaj eĉ Atocha. Mi pensis, ke eble ne estos multe da homoj, ĉar multaj ja kredis diversajn mensogojn. En la laborejo mi aŭskultis kelkajn radi-elsendojn, kiuj informis pri tiuj ĉi manifestacioj. Oni parolis pri multe da homoj. Komence la policistoj petis la identigilojn de la manifestaciantoj, sed poste estis tiom da homoj, ke ili rezignis tion. Ĉirkaŭ la 21:00 la radioj ne plu informis pri la manifestacioj, kiuj estis okazantaj jam en diversaj urboj de Hispanio: la registaro diris, ke la manifestacioj estis neleĝaj, kaj ke oni ne povas informi pri neleĝaj aktivaĵoj. En la posta tago kelkaj geamikoj diris al mi, ke partoprenis vere multege da homoj. Miaopinie, tiuj manifestacioj estas historiaj, ĉar ili ne estis organizitaj de iu ajn partio, organizo aŭ estro: ili estis tute spontaneaj! Simple la civitanoj ofendiĝis, kaj kelkaj proponis manifestacion, kiu estis rapide subtenita kaj resendita de homo al homo.

La 14-an de marto estis la balotado, kaj la hispanoj pruvis, ke la publika opinio estas pli forta ol la mensogoj, pli forta ol la manipulado, kaj pli forta ol perforto. Ĉirkaŭ 90% de la hispanianoj ne volis militon, kaj voĉdonis kontraŭ partio, kiu subtenis militon kontraŭ la volo de la popolo!

Fotoj de la Aŭtoro


Hispanaj flagoj estis en preskaŭ ĉiuj fenestroj... (sur la foto apartamentaro en la centro de Madrido)

* Eŭskio (Vaskio) estas aŭtonoma regiono en la nordo de Hispanio, kun propraj kulturo kaj lingvo (ne hindeŭropa kaj ne parenca al iu ajn alia konata lingvo)
** Por esti tute preciza, tiu posteno nomiĝas "prezidanto de la registaro", kio pli-malpli egalas al la posteno de ĉef-ministro en multaj landoj.


Atocha, la 12-an de marto. Tiom da kandeloj, floroj kaj mesaĝoj videblis ankaŭ en multaj aliaj partoj de la urbo

# Dialogi anstataŭ mortigi




*Marija Belošević, Kroatio*

**Komence de la 1990-aj jaroj la milito flamis en Eŭropo: la homa malamo detruis, bruligis eĉ tutajn urbojn en Kroatio kaj Bosnio kaj Hercegovino; miloj kaj miloj da homoj estis forpelitaj el siaj domoj, al kiuj ankoraŭ pluraj ne sukcesis reveni. Aliaj ankoraŭ hodiaŭ serĉas almenaŭ mortrestaĵojn de siaj proksimuloj. Simile estas en aliaj partoj de la mondo, kie flamas militoj.**

## "Terorismo estas ne esprimo de kredo, sed ĝia deflankiĝo kaj eraro"

La plej granda pledinto por paco en la mondo, Papo Johano Paŭlo la Dua, plurfoje tuŝis temojn rilatajn atakon al alia persono, militon, terorismon. Li konstante klopodis klarigi, ke terorismo "estas ne esprimo de kredo, sed ĝia deflankiĝo kaj eraro". Li instigis la homaron al paco okaze de la Monda Tago de Paco, kiun oni festas la unuan de januaro. Krome, li uzis ĉiujn eblojn atentigi la homaron pri la malbonfaro de bataloj.

Ege signifa estis lia mesaĝo okaze de la 35-a Monda Tago de Paco, la unuan de januaro 2002, titolita "Ne ekzistas paco sen justeco, ne ekzistas justeco sen pardono". Li deklaris en ĝi, ke "la malbono ne havas la lastan vorton en la homaj eventoj, ĉar la savo anoncita en la Biblio sendas grandan lumon sur la tutan historion de la mondo". La Papo konsciis pri la malfacilo paroli ĝuste hodiaŭ pri justeco kunligita kun pardono. Johano Paŭlo la Dua redeklaris, ke la vera paco estas frukto de justeco, sed ankaŭ memorigis, ke la homan justecon, pro ĝia malforteco, oni devas praktiki kaj iasence kompletigi per pardono, kiu sanigas la vundojn. Kaj tute ne temas pri kontraŭstaro inter justeco kaj pardono por ne plibonigi la maljuste rompitan ordon. Male – la pardono celas al vera justeco, kiu kondukas al ordo, ĉar pardono estas kompleta resanigo de la animaj vundoj. Per tiu ĉi kompreno la Papo alfrontis la problemon de terorismo. Li klarigis, ke el rafinita reto de politikaj, teknikaj kaj ekonomiaj komplikaĵoj, kiuj transiras la naciajn landlimojn, terorismo plivastiĝas al la tuta mondo; terorismo baziĝas sur abomeno kontraŭ la homa vivo, kaj ĝi estas vera krimo kontraŭ la homaro.

Ĝuste pro tio la rajto defendi sin kontraŭ terorismo devas respondi al moralaj kaj juraj reguloj en la elekto de celoj kaj rimedoj. Aparte, la lukto kontraŭ terorismo devas enteni la devigojn – politikajn, diplomatiajn kaj ekonomiajn – kuraĝe kaj senŝancele solvi eventualajn situaciojn de subpremo kaj marĝenigo. Ĉiuokaze – aldonis la Papo – la maljustaĵoj, kiuj estas en la mondo, neniam povas esti uzataj kiel motivo por pravigi terorismajn agojn.

## Oni ne povas altrudi la veron…

Johano Paulo la Dua ne preterlasis la aludon, ke terorismo estas "filo de fanatika fundamentismo, kiu naskiĝas el la konvinko, ke oni povas trudi al ĉiuj sian ideon pri la vero. La veron oni neniam povas altrudi, sed nur proponi: la pretendo trudi per perforto al la aliaj tion, kion oni taksas "la vero", signifas malrespektegi la dignon de la homa estaĵo kaj, fine, ofendegi Dion, kies respegulo estas la homo".

Ĉi-koncerne la Papo estis tre klara: la fundamentisma fanatikeco estas sinteno radike kontraŭa al la kredo je Dio, kaj neniu religia aŭtoritatulo rajtas indulgi terorismon kaj tiom malpli prediki ĝin. Speciale la perforto de teroro estas absolute kontraŭa al la kredo je Kristo Sinjoro, kiu instruis al siaj disĉiploj preĝi: "pardonu al ni niajn ŝuldojn kiel ankaŭ ni pardonas al niaj ŝuldantoj". La kristanoj estas vokataj esti mizerikordaj*, ĉar al ili estis montrita la mizerikorda amo de Dio, kaj sekve ili devas esti ĉiam viroj kaj virinoj de mizerikordo kaj pardono. Johano Paŭlo la Dua insistis pri nepra kunlaboro inter religiaj aŭtoritatuloj por elimini la sociajn kaj kulturajn motivojn por terorismo, instruante la grandiozecon kaj dignon de la homa persono kaj disvastigante pli kaj pli grandan konsciiĝon pri la unueco de la homaro. La religioj povas fari grandan servon por la konstruo de paco pere de taŭga instruado pri pardono. Tiu ĉi penso de la Papo estis por la viktimoj de terorismo, iliaj familianoj, kaj la lastaj vortoj de lia mesaĝo esprimis elkoran petdeziron, ke la homa familio povu trovi veran kaj daŭran pacon, la pacon, kiu povas naskiĝi nur el justeco kaj amo.

## "La milito ne solvas konfliktojn inter la popoloj"

Alparolante la diplomatojn akredititajn ĉe la Sankta Seĝo, la Papo komence de la jaro 2004 substrekis: "La milito ne solvas la konfliktojn inter la popoloj; vera kaj longdaŭra paco estas frukto de morala kaj jura kunagadoj bazita sur firma forigo de perforto kaj terorismo". Unu jaron pli frue li direktis al la diplomatoj la jenajn vortojn: "Tutmonda terorismo estas la plej grava minaco por la homaro, ĉar ĝi devigas plurajn homojn vivi en timo".

Pri la graveco de tiu ĉi temo la Papo parolis ankaŭ akceptante la diplomatojn unuope. Ekzemple, okaze de la akcepto de la ambasadoro de Indonezio li diris: "Respondo al terorismo neniam rajtas esti respondo de malamo aŭ venĝo. Oni devas agi por paco kaj bonstato de homoj, precipe en la nuna momento, kiam la tuta homa familio serĉas rimedojn kontraŭstari terorismon", – diris la Sankta Patro kaj akcentis la rolon de religioj kiel la rimedon por paco kaj dialogoj.

La 11-an de septembro 2002, unu jaron post la terorisma atako en Usono, la Papo firme kondamnis terorismon akcentante ke "nur racio kaj amo estas indaj iloj por venki kaj solvi konfliktojn inter la personoj kaj popoloj. Terorismo estas ĉiam esprimo de nehumana krueleco. Humiligado, armila perforto kaj morto neniam kapablas solvi la kon-

fliktojn inter la homoj. Nur racio kaj amo estas taŭgaj iloj por venki kaj solvi la konfliktojn inter la homoj kaj popoloj". Li levis sian voĉon ankaŭ post la atako en Madrido: "Terorismo estas ofendo al Dio, lezo de la fundamentaj homaj rajtoj – rajto je vivo – kaj ĝi minacas pacaman kunvivadon".

## "Estas malfacile atingi pacon, sed tio eblas"

En sia kristnaska mesaĝo la 25-an de decembro 2003 la Papo, interalie, substrekis: "Estas malfacile atingi pacon, sed tio eblas. Oni devas superregi la militojn kaj terorismon". "Savu la homaron, Dio, de grandaj malbonaj detruantoj komence de la tria jarmilo. Savu nin de militoj kaj armilaj konfliktoj, kiuj detruas tutajn regionojn de la terglobo, savu nin de la vipo de terorismo kaj diversaj formoj de perforto, per kiuj oni mistraktas malfortulojn kaj senpovulojn", – preĝis la Papo je Kristnasko 2003.

Bedaŭrinde la ekumena projekto, kiun kunsubskribis la Papo kaj la atena ortodoksa ĉefepiskopo Christodoulos, ne realiĝis. Temis pri la "Olimpika paco", per kiu ili substrekis la neceson de intensa dialogo, malaprobo de apliko de perforto, prozelitismo** kaj fanatikismo en la nomo de religioj. Laŭ tiu projekto dum la olimpika jaro en ĉiuj landoj devus esti interkonsentita unujara armila armistico***, kiu koncernas kaj militojn, kaj terorismon.

Ankaŭ Papo Benedikto la 16-a klare daŭrigas la pacvojon de sia antaŭulo. Post la bombatakoj en Londono komence de julio, Benedikto la 16-a en Les Combres, kie li feriis, rememoris en la preĝoj la viktimojn de terorismo, iliajn familiojn, aparte preĝante por paco kaj ke similaj teruraĵoj ne ripetiĝu.

Mi deziras fini ĉi tiun mallongan superrigardon per la linioj ligitaj al la granda interreligia renkontiĝo, kiu okazis en Asizo (Italio) la 24-an de januaro 2002. Ĉe la fino de la renkontiĝo reprezentantoj de diversaj religioj i.a. menciis en sia komuna deklaro:

"*Kolektitaj ĉi tie en Asizo ni kune meditis pri paco, la Dia donaco kaj komuna bono de la tuta homaro. Kvankam ni apartenas al diversaj religioj, tradicioj, ni konfirmas, ke por la konstruo de paco nepras ami siajn proksimulojn estimante la oran regulon "agu al aliaj same kiel vi deziras ke oni agu al vi". Per tiu konvinko ni senlace laboras pri la granda packonstruaĵo kaj tiel ni devigas nin deklaradi nian firman konvinkon, ke perforto kaj terorismo kontraŭas la originalan religian spiriton, kaj kondamnante ĉian aliron al perforto kaj militoj, en la nomo de Dio kaj religio, ni entreprenas ĉion fareblan por elradikigi la kaŭzojn de terorismo.*

*Dio benu niajn intencojn kaj donu justecon kaj pacon al la homaro.*

*Neniam plu perforton*
*Neniam plu militojn*
*Neniam plu terorismon*
*Ĉiu religio kunportu sur la teron en la nomo de Dio*
*Justecon kaj pacon,*
*Pardonon kaj vivon.*
*Amen".*

* mizerikordo – korfavoro kaj kompata pardonemo (N.PIV)
** prozelitismo – fervoro por konverti, varbi (N.PIV)
*** armistico – militpaŭzo, difinita per detala skriba konvencio kaj pli grava ol simpla batalhalto (N.PIV)


INTERRETO
Pacmanifestacio en Irako

## Ĉu la ŝtato kapitulacis?

*Jorge Pavón Fernández, Hispanio*

**Kruela amasmurdo okazis la 11-an de marto 2004. Bomboj en trajnoj mortigis preskaŭ 200 ordinarajn homojn en Madrido, kaj tri tagojn poste la hispanoj devis iri al la balotujoj.**

La tiama registaro de J. M. Aznar kulpigis unue la enlandajn teroristojn de ETA, kiuj murdis jam ĉirkaŭ 1000 homojn. Tuj poste aperis pruvoj montrantaj la veron: la plejmulto de la teroristoj estis marokanoj, kiuj fiuzas islamon por pravigi siajn krimojn.

Multaj homoj akuzis pri la atako Aznar-on – pro la sendo de hispanaj trupoj al Irako dum la okupado (miaopinie, maljusta kaj malĝusta milito). La tasko de la hispana armeo tamen estis ne batali, sed plibonigi la sekurecon kaj ebligi la rekonstruadon. Rezulte, la 14-an de marto, J. L. R. Zapatero estis neatendite elektita kiel ĉefministro – eble pro la multnombra partopreno de la popolo en tiu balotado. Antaŭ longa tempo li promesis, ke se li estos ĉefministro, la soldatoj foriros el Irako, kaj do la unua decido de Zapatero estis plenumi la postulojn de multaj hispanoj kaj ankaŭ teroristoj: la jam promesita retiriĝo el Irako. Li poste eĉ asertis, ke ankaŭ ĉiuj aliaj trupoj devas foriri. Imagu la ĥaoson, kiun tio kaŭzus en la nuna Irako! Ni ankaŭ pripensu, ke la fanatikuloj ne volas demokration en Irako, do ili deziras la retiriĝon por regi la landon post sanga enlanda milito.

Nun oni konsideras hispanojn kaj ankaŭ ĉiujn okcidentanojn malkuraĝaj kaj cedemaj. Teroristoj unuafoje kapablis renversi reĝimon kaj ŝanĝi la tiaman politikon. Krome, mi ankaŭ memoras proponon de la nuna ĉefministro de Hispanio pri intertraktado kun ETA. Kompreneble, la popolo kaj la viktimoj de tiu grupo protestegis per amasa manifestacio. Oni fojfoje aŭdas Zapateron prelegi pri dialogo kaj alianco de civilizacioj. Ne nur mi suspektas, ke eble alia ideo kaŝiĝas en liaj vortoj...

# Ankaŭ bestoj havas rajton je LIBERO!


ALF

**Al la demandoj de *Kontakto* respondas Oleg I. – aktivulo de radikala organizo *Animal Liberation Front* [enimal liberejŝn front] (ALF, Best-Liberiga Fronto), kiu batalas kontraŭ kruela traktado kaj ekspluatado de bestoj, kaj, interalie, kontraŭas eksperimentojn per bestoj.**

**Antaŭ tre longa tempo mi tute hazarde spektis malnovan programon pri eksperimentoj per bestoj. Oni montris la "rezultojn" de unu el tiaj eksperimentoj – hundon kun du kapoj, kiu antaŭe estis du malsamaj hundoj! Mi estis plene terurita, ŝokita de tio, kion ili faris al tiuj kompatindaj bestoj. Mi ja mem havas hundon kaj scias, kiel saĝaj, fidelaj kaj amantaj bestoj ili estas... Mi estas tutkore kaj absolute kontraŭ tiaj – kruelaj kaj tute senutilaj – eksperimentaĉoj. Sed... estas ja ankaŭ alia flanko de la medalo. Oni inventis diversajn novajn kuracilojn kaj malkovris multon pri homoj uzante bestojn, kaj tio certe savis multajn milionojn da malsanuloj. Klasika ekzemplo – vakcino, kiun oni faris el la sango de intence malsanigitaj ĉevaloj aŭ bovinoj, venkintaj tiun malsanon... – Red.**

*- Foje oni akuzas radikalajn ekologiajn organizojn, kiel* **Animal Liberation Front** *(***ALF***, Best-Liberiga Fronto) kaj* **Earth Liberation Front** *(***ELF***, Ter-Liberiga Fronto) pri terorismo. Kial? Ĉu estas iuj bazoj por tio? Mi legis, ekzemple, ke oni algluas al ili etikedon "ekologiaj teroristoj" pro minacoj al la homoj, laborantaj, ekzemple, en best-testaj laboratorioj.*

- Ĉiuj agoj de ALF kaj ELF ĉiam estas senperfortaj – rilate al bestoj kaj homoj. Ni neniam minacas pri fizika perforto, nur psikologie premas tiujn homojn, kies agadon ni opinias krima rilate al bestoj aŭ naturo. Krome, niaj alvokoj plej ofte celas eĉ ne tiujn personojn, sed la ĝeneralan publikon (kies konscion ni volus influi), ĉar amaskomunikiloj kutime volonte publikigas informojn pri la alvokoj lasitaj dum niaj agaderoj. Kaj ni ne forgesu, ke la ĉefa celo de ALF estas liberigi bestojn, tial eĉ tiaj "alvokoj" (kaj certe ne minacoj!) estas nur duaranga afero en nia agado. Pro ĉio ĉi oni apenaŭ povus difini ALF aŭ ELF kiel "terorismajn" organizojn, ĉar iliaj agadoj ne kongruas kun la formala difino kaj ĝenerala percepto de la nocio "terorismo".

*- Ĉu vi povas doni ekzemplon de viaj alvokoj? Kaj krome, ĉu vi povus klarigi pli pri la psikologia premado – kio ĝi estas?..*

- Kutime dum niaj agaderoj ni lasas surmurajn skribaĵojn kiel: ALF, Best-Liberiga Fronto, "'Ne al vivisekcio!", "Ĉesu torturi bestojn!", "Ni plu batalos por bestoj".

Krom la agaderoj mem kaj jam menciitaj skribaĵoj, kiuj donas klaran indikon al la objekto de premado kaj amaskomunikiloj pri tio, kiu faris tion kaj kiucele (kio kutime kondukas al serio de arde diskutataj publikaĵoj en gazetoj kaj radi-elsendoj), oni – niaj eksterlandaj frontanoj – povas elekti ĉefajn individuajn kulpantojn de la kruela traktado de bestoj kaj, ekzemple, farbi ŝian aŭ lian pordon ruĝa (simbolo de sango de la bestoj torturitaj ĝismorte), lasi persone adresitajn alvokojn ĉesigi la kontraŭmoralan agadon kaj kunlaboron kun la korporacio, distribui inter ŝiaj aŭ liaj najbaroj informon pri kio okupiĝas ilia proksimulo. Ni ankoraŭ ne faris tion en Rusio, kaj mi dubas, ke ni faros en la proksima estonteco. Ĉi tie ni plejparte koncentriĝas je praktikaj kazoj de besta liberigo, ol je "psikologia premado".

***- Rakontu pri la agado de ALF kaj ELF en Rusio kaj aliaj landoj! En la retpaĝoj oni ofte uzas la vortojn "rekta agado" – kio fakte ĝi estas? Ĉu estas iuj leĝaj kadroj por viaj agadoj?***

- Mi komencos per respondo al via dua demando. Ni agas eksterleĝe, ĉar nia agado inkluzivas enrompadon en privatajn terenojn, detruadon de privataj posedaĵoj (plej ofte kaĝoj kaj tortur-maŝinaro), "ŝtelon" (kiel oni nomas tion jure) de bestoj, kiujn oni laŭleĝe (sed laŭ ni – kontraŭmorale) difinas kiel "privatajn posedaĵojn". Respondante al via unua demando mi devas diri, ke en Rusio ĝis nun ekzistas nur mizera kvanto de grupoj asociitaj kun ALF. Ni esperas pri ilia kresko en la proksima estonteco. Ni fieras pri tio, ke ni engaĝiĝas ne nur en "propagandan" agadon (kiel pentrado de alvokoj sur pelt-vendejoj, ekzemple), sed ankaŭ en rektan agadon por liberigo de bestoj el laboratorioj aŭ fel-bredejoj. Pri nia agado en Rusio vi povas legi (ruslingve) ĉe <www.aeliberation.net>, kaj pri la tutmonda agado – serĉu en la reto "Animal Liberation Front" aŭ "Earth Liberation Front".

***- Rakontu pri la aktivuloj de ALF! Kiuj fariĝas aktivuloj? Kiel venas al vi novaj aktivuloj? Ĉu estas ankaŭ biologoj / zoologoj inter ili?***

- Ni mem serĉas potencialajn aktivulojn. La plej bona medio por tio estas anarkiistoj. Tradicie ALF kaj ELF estas konsiderataj kiel eroj de anarkiisma movado, kaj Rusio ne estas escepto. Kvankam ni komencis per homoj, pli firme asociitaj kun protektado de bestaj rajtoj (ĉiuj estis veganoj), nun ni pro niaj bonaj rilatoj kun

**"Ni fieras pri tio, ke ni engaĝiĝas ne nur en "propagandan" agadon (kiel pentrado de alvokoj sur pelt-vendejoj, ekzemple), sed ankaŭ en rektan agadon por liberigo de bestoj el laboratorioj aŭ fel-bredejoj"**

la lokaj anarkiistoj akceptis en Fronton multajn junajn anarkiistojn (kelkaj ankoraŭ estas vegetaranoj*). Jes, ni havas volontulajn helpantojn inter biologoj kaj zoologoj, ili informas nin pri filaboratorioj torturantaj bestojn, subtenas nian opinion en amaskomunikiloj aŭ foje eĉ mem protestas surloke ĉe sia studejo aŭ laborejo kontraŭ kontraŭmorala traktado de bestoj.

***- La celo de via agado ŝajnas al mi klara: ĉesigi bestajn suferojn kaŭzatajn de la homoj ĉie en la mondo. Kaj – nu, ni imagu – kiel aspektus la mondo, se okazus "fina venko" de ALF? Kio estus la ideala mondo, laŭ ALF?***

- Vi tre bone difinis nian celon. La fina venko de ALF estus harmonio en rilatoj de homoj kun homoj, homoj kun bestoj kaj kun naturo pli vast-sence. Ni strebas al harmonio bazita sur senperfortaj kaj ne-ekspluatadaj rilatoj. Praktike rilate al bestoj tio signifus ke homoj plejparte estu veganoj, ĉar ne nur manĝado de viando, sed ankaŭ produktado de ovoj kaj lakto postulas sufiĉe kruelan traktadon de bestoj. Ni kredas, ke tia socia transformiĝo kondukos al pli sana (fizike kaj psike), justa kaj paca mondo.

***- Malfacila etika demando. Oni ja testas novajn medikamentojn per bestoj – plejparte laboratoriaj musoj – sed se oni ĉesos tion fari, ĉu tio ne signifos, ke oni kuracos homojn per medikamentoj tute ne testitaj antaŭe, kaj tiel eksperimentos jam per homoj?.. Kaj se homo estas danĝere malsana, ĉiu eraro de netestitaj medikamentoj povas esti fatala por li aŭ ŝi... Do, se oni ĉesos testi medikamentojn per musoj (ekzemple), ĉu la kosto de multaj miloj da homaj vivoj ne estos tro granda por tio?***

- Pri tio en la Fronto povas ekzisti diversaj opinioj, mi do voĉigos mian propran. Laŭ mi oni ne rifuzu testadon de necesaj medikamentoj per bestoj. Sed oni klare distingu kelkajn aferojn: testadon de medikamentoj per bestoj, kiam aliaj metodoj ne ekzistas aŭ ne estas aplikeblaj; testadon de medikamentoj per bestoj, kiam ekzistas aliaj taŭgaj testmetodoj (ekzemple, testado per kultivataj histoj aŭ testado per komputilaj modeloj); testadon de parfumoj kaj ŝampuoj ktp. per bestoj, kiu kondukas al suferado kaj morto de la testatoj. Mi ne kontraŭas la unuan punkton, sed arde protestas la du lastajn. Ĝenerale Fronto (kaj ankaŭ nia grupo) ne agas kontraŭ sciencaj laboratorioj, kie oni per bestoj testas novajn medikamentojn, krize necesajn por batali kontraŭ diversaj malsanoj. Ni batalas kontraŭ laboratorioj, kie korporacioj testas siajn novajn parfum-produktojn, aŭ kontraŭ laboratorioj en universitatoj, kie oni instruas, kiel tranĉi musojn kaj bufojn, kvankam en pluraj landoj oni nun uzas komputilajn modelojn tiucele.

***- ALF liberigas multajn bestojn el la laboratorioj – ne nur hundojn, sed ankaŭ kobajojn, ratojn, musojn k.a. Foje en laboratorioj ili estas intence malsanigitaj por iu eksperimento – do, ĉu ne povas okazi, ke vi liberigos malsanajn (pli precize, malsanigitajn) bestojn, kiuj povus transdoni malsanojn al homoj, aŭ al aliaj bestoj...***

- Ni penas bone pristudi la objekton de nia agado kaj ĉiujn cirkonstancojn. Se aperas tia risko, ni plej verŝajne rifuzos rektan agadon ĉi-kaze kaj uzos aliajn manierojn influi la objekton (publikaĵoj en amaskomunikiloj, publika protesta kampanjo ktp). Plej ofte la celo de liberigo estas bestoj, kiujn oni bredas por ricevi felon, aŭ tiuj, per kiuj oni praktikas distranĉadon kaj organ-studadon.

***- Kaj alia demando pri la liberigoj. Mi legis, ke sufiĉe antaŭnelonge britaj aktivuloj de ALF liberigis multajn vizonojn en Britio. Mi persone kontraŭas bredadon de bestoj por felo kaj konsideras ĝin tre kruela, sed BBC nomis tiun agon "monumento al la stulteco" – pro tio, ke miloj da tiuj bestoj povas kaŭzi grandan damaĝon – ekzemple, al la birdoj, kiuj nestas printempe... Mi legis, ke ankaŭ la rusaj aktivuloj antaŭnelonge liberigis el la felbredejoj plurajn putorojn. Sed ĉu tio ne kaŭzos danĝeron al la naturo?..***

- Ankaŭ tion ni penas konsideri, certe. Tamen, foje niaj rimedoj estas tiom limigitaj, ke ni ne povas transporti la liberigitojn je granda distanco aŭ distribui ilin pomalmulte en diversaj bio-regionoj. Tiam aperas risko de amasa formorto de la plejparto de la liberigitoj aŭ mallongdaŭra malekvilibro en la loka ekologia sistemo. Tamen ni kredas ke: 1) morto en naturaj kondiĉoj estas preferinda ol perforta buĉo aŭ morto pro teruraj kondiĉoj en mallibero; 2) naturaj mekanismoj plej ofte garantias revenon de la ekologia sistemo al natura ekvilibro eĉ post unufoja subita malekvilibro (kiel amasa enlaso de rabobestoj en la regionon). Ĉiukaze estus hipokrite diri, ke ALF aŭ ELF grande kaj negative influas ekologiajn sistemojn, kiam tiuj estas ĉiutage detruataj kaj minacataj de grandegaj korporacioj por profito.

***- Sed ĉu la radikalaj grupoj, kiuj liberigas ratojn k.s., ne malhelpas la publikan bildon pri pli moderaj reformoj – ekzemple, nuligo de bredado nur por felo, forigo de suferigaj buĉpraktikoj, nuligo de perbesta eksperimentado por kosmetikaĵoj kaj aliaj nenecesaj aĵoj k.s.? Ekzemple, mi certas ke en Usono, ekzemple, moderaj (aŭ eĉ konservativaj) homoj volonte subtenus tiajn moderajn reformojn – sed tiaj radikalaj movadoj forpuŝas moderajn homojn alidirekten. Do, en la mensoj de la plej multaj homoj: bestaj rajtoj = fanatika maldekstra ekstremismo/terorismo, same kiel, pro la lerta kaj longa propagandado de la dekstro, en la meza usona menso: socialismo (eĉ en la plej milda social-demokrata varianto) = bolŝevismo. Jen bona ekzemplo: en 2003 la prezidanto de PETA (la plej konata, kaj por multaj fifama, best-rajta grupo en Usono) skribe plendis al Jasir Arafat ke estis mortigita azeno ŝarĝita per eksplodigiloj, kiam oni uzis ĝin por teroratako en Jerusalemo... Do al multaj homoj ŝajnas ke tiuj best-rajtaj aktivuloj pli zorgas pri bestoj ol pri homoj. Kompreneble mi scias ke estas tre erare egaligi ĉiujn specojn de best-rajta aktivismo, sed la fakto estas ke homoj ja faras tion, kaj suferas ĉiuj – eĉ plej moderaj – reformoj tiudirekten...***

- Nu, iujn homojn niaj radikalaj agoj ja povas forpuŝi (aŭ almenaŭ ili povus esprimi sian malaprobon de niaj metodoj). Tamen ni kredas, ke tre ofte tiuj "moderaj" organizoj ne sukcesas altiri sufiĉe da atento al la problemo, kaj tiam pli radikalaj (pli atento-tiraj, pli ŝokaj, pli arogaj) agoj devas esti entreprenitaj. Kiel montras historio, la plej "venka" strategio estas kombino de unuopaj radikalaj agoj (kiuj levas atenton de la ĝenerala publika al la problemo) kaj senperfortaj publikaj kampanjoj de ĝenerala publiko (prezentita de tiuj "moderaj" organizoj), post kiuj la ĝenerala socia sinteno ŝanĝiĝas. Ekzemploj – liberigo de sklavoj, batalo por doni rajtojn al virinoj kaj rasaj minoritatoj, lastatempaj kampanjoj kontraŭ kruela traktado de infanoj kaj por doni rajtojn al seksem-minoritatoj. Ni kredas ke la sekva batalo okazos pri la rajtoj de bestoj – fakte, ĝi okazas jam nun.



Nun oni ne uzos vin por mantelo

Estas interesa fakto, ke s-ro Etsuo Miyoshi, japana mecenato konata pri siaj elstaraj klopodoj antaŭenigi Esperanton en Eŭropo, ankaŭ aktive subtenas ĉeson de ĉiaj formoj de suferigo de bestoj, kaj preĝas pri tio ĉi ĉiumatene.

Intervjuis Ĵenja kaj Joel Amis

* veganoj konsumas neniujn bestaĵojn – nek ovaĵojn nek laktaĵojn; ili ankaŭ ne portas felon, ledon ktp, kaj ne uzas produktojn de ekspluatado aŭ kruela traktado de bestoj.



Pro ilia granda fidemo kaj boneco al homoj, oni ofte uzas biglojn por kruelaj eksperimentoj... Hundoj ofte fariĝas liberigcelo de ALF

**Viaj opinioj estas bonvenaj ĉe nia adreso: KONTAKTO, 16800 Phillips Rd., Alpharetta, GA 30004, Usono. La redakcio kaj la eldonantoj ne respondecas pri opinioj de unuopaj aŭtoroj. Republikigo de artikoloj el la rubriko "Opinie" eblas NUR kun eksplicita permeso de la redakcio.**

## Ĉu ekzistas rimedoj kontraŭ terorismo?

**Ĉu ekzistas taŭgaj kaj efikaj rimedoj kontraŭ terorismo? Kion la homoj kaj la registaroj povas fari por preventi terorismajn atakojn? Kun tiuj du demandoj *KONTAKTO* turnis sin al esperantistoj el diversaj landoj kaj kun malsamaj politikaj opinioj.**

– Verŝajne ne ekzistas sola mirakla rimedo kontraŭ terorismo. Oni devas kontraŭbatali kaj preventi ĝin, simile kiel aliajn malbonajn sociajn fenomenojn, samtempe en diversaj kampoj, por ke la kuracado estu efika. Oni devas komenci ĉe la fontoj de la problemo. Laŭ mi, ili povas esti objektivaj aŭ subjektivaj. Objektivaj ekzistas, kiam iu grupo troviĝas sub tia premo, ke terorismo fariĝas la sola ebla respondo. Ekzemple kiam iu popolo fariĝas viktimo de ŝtata teroro – estas nature, ke terorismo (kontraŭteroro) fariĝas ĝia reago.

Subjektivaj kaŭzoj kuŝas en ideologioj, kiuj aprobas uzadon de terorismo por realigado de siaj celoj. Kutime tiaj ideologoj uzas terorismon por akiri potencon kaj poste ŝtatan teroron, por teni akiritan potencon plu en siaj manoj. Por ke terorismo ekfloru, kutime kunekzisto de ambaŭ kaŭzoj estas necesa. Do persekutado al iu homgrupo ebligas disfloron de teroremaj ideologioj, kiuj poste komencas vivi kaj varbi adeptojn, eĉ se la persekutado mem objektive ne senkulpigas terorismon.

Por kontraŭbatali fontojn de terorismo oni do devus direkti sin al ambaŭ kaŭzoj. Unuflanke elimini registarojn, kiuj uzas ŝtatan teroron kiel elementon de interna aŭ ekstera politiko. Kio kutime signifas agadi por demokratiigado kaj kvietigado de tiaj reĝimoj. Aliflanke oni devas – en ideologia flanko – aktive kontraŭbatali teroremajn ideologiojn. Tio povas signifi: proponi kaj subteni aliajn, konkurencajn solvojn al reale ekzistantaj problemoj. Solvojn, kiuj povus esti alternativo por falsaj solvoj proponataj de terorismemaj ideologoj. Rilate jam ekzistantajn terorismajn movadojn – nu, necesas solidara batalo, kiu tamen konservos niajn homajn rajtojn.

Maciej WNUK, Pollando

– Terorismo estas atenco kontraŭ naturo, kontraŭ homa vivo. Por scii la rimedojn kontraŭ ili, necesas kompreni la kialojn por tiuj agoj. Laŭ mia scio, teroristoj neniam havas pravigeblajn celojn – nek en Ĉeĉenio, nek en Usono. Ili simple eluzas la vivojn de sendefendaj homoj kiel ludilon, ĉanon por siaj fiagoj. Do, la kialoj unuaflanke estas tute diversaj, aliflanke, tute kutimaj: mono kaj potenco. Emo al mono kaj potenco estas propra al homoj, kaj terorismo estas unu el la rimedoj por atingi ilin – ekscentra, sed ofte la plej mallonga vojo. Kaj same kiel ne eblas forgesigi homojn pri tiuj allogaĵoj, ne eblas trovi taŭgan rimedon kontraŭ terorismo. Unufoje naskiĝinta kiel rimedo, ĝi plu kaj plu estos uzata, ne gravas, ĉu ĉiuj antaŭaj uzantoj de ĝi estas elradikigitaj aŭ ne.

Kion oni povas fari? Teorie – ebligi al ĉiu homo sufiĉe da bonstato, por ke li aŭ ŝi ne volu draste pli. Praktike tio ne eblas. Ne gravas, ĉu lando havas la aŭtoritaton de la "Trezorejo de la tuta mond'" (Usono) aŭ ne (Rusio), riĉa (Germanio) aŭ ne tre (Israelo) – terorisma atako povas okazi ĉie kaj malgraŭ ĉiuj sekurrimedoj. La tuta mondo estas malferma kaj sendefenda. La ununura vojo al eble fora paco kaj malkresko de terorismo estas pacigo de Oriento kaj Okcidento, uson-orientita okcidenta civilizo kaj Oriento. Se la vivnivelo kaj vivbonstato ne estos tiel frape kaj draste malsamaj, tiam, eble, ankaŭ por terorismo ne plu estos loko. Sed dume tio (r)estas nur utopio.

Aleksandro GALKIN, Rusio/Germanio

– Uzi teroron por atingi iujn celojn estas same malnova kiel la homa historio mem. Ĝi ne komenciĝis en 1793 per la terora reĝimo en Francio. Kaj mi forte dubas, ĉu eblas tute neniigi ĝin. La plej granda problemo por alfronti la teroron estas tio ke ne ekzistas nekontestebla difino de ĝi. Tiu ago, kiu por iuj estas terorisma, por aliaj estas konsiderata heroa. Tiu persono, kiu por iuj estas teroristo, por aliaj estas martiro de noblaj celoj. Eĉ ne eblas difini ĝin nur kiel kruelaĵojn kontraŭ nearmeanoj, ĉar iuj asertas, ke diktatorecaj reĝimoj aŭ maljustaj regantoj kaj la polico sub trudataj leĝoj faras en okupaciataj landoj eĉ pli terurajn kruelaĵojn kontraŭ civitanoj. Iuj asertas, ke perfortaĵoj necesas kiel lastaj rimedoj por ŝanĝi sistemon, atingi liberecon kaj justecon. Oni uzas teroron nur kiam oni profunde kredas, ke neniel alimaniere eblas akiri iujn rajtojn per neperfortaj rimedoj. Bedaŭrinde ne eblas ĉiam neniigi tiajn sentojn.

Lastatempaj terorismaj okazaĵoj sendube formas nigran parton de la homara historio. Sed mi konsideras ilin kiel indikojn de iu ŝanĝo. Post kelkcent jaroj da tradiciismo kaj neŝanĝemo, dum tiuj ĉi lastaj jaroj kaj speciale depost la Islama Revolucio en Irano en 1979, Islamo estas alfrontata al novaj demandoj rilate regadon de religio super socio. Tiuj demandoj ĝis nun ne ekzistis. La islama mondo devas trovi respondojn por ili, sed samtempe ĝi ne povas ĉesi interagadon kun la cetero de la mondo. Kunesto de sociaj ŝanĝoj kun konfliktoj, revolucioj aŭ militoj havas multajn precedentojn. Ĉi-foje tiu procezo, bedaŭrinde, kaŭzas konfliktojn, islaman terorismon kaj aliajn fenomenojn. La ŝanĝo en la islama mondo, kvankam ĝi ĉefe koncernas kredantojn de tiu ĉi religio, influas la tutan mondon. Kion ni povas fari? Ni devas lerni vivi en tiu nova mondo. Ni kaj niaj registaroj traktas minacojn kaj malpliigas danĝerojn. Sed ni devas ĉiam atendi terorismon, ĉar mi vere dubas, ĉu eblas kontraŭstari la historion.

Behrouz SOROUSHIAN, Irano/Svedio

– Terorismo estas aplikado (aŭ minaco) de forto por manipuli agadojn de aliaj. Mi konsentas kun la opinio de Noam Chomsky, kiu diris, ke la plej efika rimedo kontraŭ terorismo estas ĉesi partopreni en ĝi. Ni, civitanoj de fortaj landoj, devas lerni pri la agadoj de niaj registaroj kaj pripensi la rezultojn de aliaj.

Jeremy ALDRICH, Usono

– Terorismo estas agado bazita sur krima konspiro, kiu penas atingi siajn celojn per sabotado kaj perforto, atakante ne strukturojn de la potenco, sed civilulojn amase: ju pli da viktimoj, des pli da "sukceso". Tiamaniere terorismo esperas instigi ĥaoson kaj influi la decidojn de registaroj, profitante la liberecon kaj malfermitecon de demokratiaj socioj. Aldone, islama terorismo karakteriziĝas jene: (a) ĝia strategia celo estas establi tutmondan regnon (Kalifejon) laŭ mezepoka islama leĝaro (ŝario); (b) estas trejnataj kaj uzataj sinmurdaj sabotuloj kiel malmultekosta liversistemo; (c) laŭ Islamo, la nocio mem "civilaj viktimoj" ne aplikiĝas al neislama mondo, konsiderata kiel "lando de milito".

La rimedoj povas esti jenaj: (1) kompreni, kiu estas la malamiko: kelkaj gvidantaj islamaj landoj. Do Islamo estas ne religio, sed malamika ideologio; (2) kompreni, ke diverslokaj kvazaŭ izolitaj teroragoj estas antaŭmilitaj prov-atakoj; (3) kiel taktika ago, necesas unue ripari la konsekvencojn de la senprecedenca permesita invado de preskaŭ 30-miliona "kvina kolumno" de islamanoj en Eŭropon kaj Amerikon. Komenci de fermo de ĉiuj moskeoj kaj madrasoj, kaj forsendi aktivajn islamanojn; (4) kiel strategia ago, necesas plani kaj preti por milita kampanjo kontraŭ kelkaj gvidantaj islamaj landoj. Kion faru la homoj kaj la registaroj? Ne esti "strutoj", kaŝinte la kapon en sablon, sekvi la suprajn punktojn kaj esti plej eble alarmopretaj.

Alexander GOFEN, Ukrainio/Rusio/Usono

– Mi prefere diru, kion homoj kaj la registaroj nepre NE faru. Oni neniam ekigu malŝaton aŭ malamon (kaj tiom pli neniam persekutu aŭ alvoku al persekutoj!) de iu ajn homa grupo pro la pekoj de ĝiaj marĝenuloj. Oni neniam alglui la etikedon "teroristoj" al iu ajn nacio, etno aŭ religio. Tio ne nur estas absoluta malvero, sed ankaŭ ekstreme ofenda ne nur al tiu grupo, sed ankaŭ al ĉiuj homoj en la mondo. Terorismemaj fundamentistoj ekzistas en multaj religioj, kaj ili tamen ĉie estas absoluta minoritato. Tiuj, kiuj parolas ekskluzive pri islama terorismo kaj eĉ proponas ataki islamajn landojn "por defendi 'nian' civilizacion" ofte forgesas, ke multaj terorismaĵoj estis (kaj estas) farataj ankaŭ fare de kristanoj. Mi ne parolas ĉi tie pri la aferoj antaŭlonge pasintaj (ekz. la Krucmilitoj, Inkvizicio, k.s.) – sed pri sufiĉe nuntempaj – ekzemple, atakoj al kuracistoj, kiuj faras abortigojn, fare de la *ekstremdekstraj kristanoj*. Ekzemple, terorisma atako dum la Olimpikoj en Atlanto estis farita ne de islamano, sed de ekstremdekstra "kristano", kiu opiniis, ke la usona politiko estas "tro maldekstra" (tiu sama teroristo ankaŭ bombis gejajn klubojn kaj abortig-klinikojn). Krome, la plej granda teroratako en Usona historio ĝis 9/11 estis la bombado de federacia konstruaĵo en Oklahom-Urbo – fare de rasisma "kristana" blankulo (de simila dekstrisma grupo kiel tiu, kiu bombis dum la Olimpikoj). Kaj ni ja ne forgesu la (iam gravan) teroristan grupon en Usono, la Ku-Kluks-Klanon (grupo, kiu siatempe konsideris sin "defendanto de tradicia usona blankula kristana civilizacio" – sed ili teroradis al nigruloj, judoj, enmigrantoj, katolikoj, komunistoj kaj aliaj "radikaluloj", foje per linĉoj kaj bruligoj de nigrulaj preĝejoj), kaj la pli novajn kaj pli timigajn, kiel, ekzemple, la "Armeo de Dio". Ĉi-lasta grupo celas (kaj ja faras!) murdi abortig-kuracistojn – ili eĉ havas liston de "celataj" kuracistoj!) k.s. Kompreneble, neniu pro tio diras, ke *ĉiuj* kristanoj estas teroristoj, sed kial do iuj opinias, ke ĝuste Islamo kulpas pri terorismo? Aŭ ĉu oni kontraŭbatalu ĉiujn kristanojn pro la terorismaj agadoj de kelkaj marĝenuloj?!

Joel AMIS, Usono

– La teroristoj, kiuj atakis Novjorkon, Madridon kaj Londonon, estas tre malaprobindaj. Sed ili ne estas la solaj teroristoj; fakte, ili ne estas eĉ la plej danĝeraj teroristoj. Kiam la serboj atakis Srebrenice-n, ili murdis homojn tie. Tio estis terorismo kaj krimo kontraŭ la homaro. Sed ankaŭ kiam BUSH kaj BLAIR atakis Fallujah-n, ankaŭ ili murdis homojn. Fakte, BUSH kaj BLAIR estas la plej danĝeraj teroristoj en la tuta mondo, kaj ni bezonas senpotencigi ilin kaj iliajn kunteroristojn por forviŝi terorismon de nia mondo.

Oliver LANTI, Usono

– Terorismo estas rimedo atingi politikajn aŭ aliajn celojn per timigo kaj per senbridaj brutalaj atakoj. La plej efika rimedo kontraŭ terorismo estas neniam cedi al postuloj kaj ĉantaĝo, nek ŝanĝi la kutimojn aŭ vivmanieron pro timo de la teroro: se la teroristoj vidas, ke oni akceptas iliajn postulojn aŭ ke iliaj fiagoj timigas kaj influas, ili plu uzos tiujn metodojn. Male, se ili komprenos, ke per terorismo ili ne atingas la celon, ili eble forlasos la terorisman vojon kaj serĉos aliajn metodojn. Registaro povas ankaŭ aktive batali terorismon, sed tio povas esti malfacila, ĉar teroristoj ofte kaŝiĝas kaj ne estas tiel facile atingeblaj kiel ŝtato aŭ armeo.

Amri WANDEL, Israelo

# Maristaj kantoj de la tuta mond'!




***Plu Meven.* Bretona Esperanto-Koruso. KD kun 15 titoloj. Esperanto Bretagne, 2004**

*Ĵenja* Amis*, Ukrainio/Usono*

La maro kaj riveroj jam dum jarmiloj ne nur malavare donacadas al homoj manĝaĵon – ili donacis al ni ankaŭ tutan tavolon de marista kulturo, antaŭ ĉio, maristaj kantoj. En tiu ĉi senco ĉiuj popoloj similas: sendepende de la lando, en ĉiuj "mar-kantoj" gusteblas sala akvo, flareblas freŝa mara aero, kaj iliaj melodioj, kvazaŭ ondoj, portas nin al la bordoj de landoj nekonataj…

La disko *Plu Meven* estas jam la dua disko de la Bretona Esperanto-Koruso, kiu donas al ni la eblon traĝui tiun tre specialan guston de la maristaj kantoj. Tiu ĉi koruso estas konata al multaj esperantistoj dank' al siaj koncertoj dum E-kongresoj. En la nova disko la grupo prezentas 15 melodiojn (12 kantojn kaj 3 instrumentajn versiojn de la prezentitaj kantoj). Malsimile al la unua disko – "Meven", 2001, – kiu prezentis plejparte francajn kaj bretonajn kantojn, ĉi-foje temas pri bunta fasko de maristaj kantoj el la tuta mondo. Apud tradiciaj francaj kantoj najbaras nederlandaj kaj flandra kantoj, hispaniaj kantoj, kuba, rusa, pola, irlanda kantoj, kaj eĉ afrika marista kanto, plejparto de kiuj ne estas konata al la ĝenerala publiko. Plej multaj kantoj en la disko estas malgajaj – ja la akvo ne nur donas, sed foje ankaŭ prenas la homajn vivojn. Tamen troviĝas en ĝi ankaŭ gajaj kaj ŝercaj maristaj kantoj, ja malgraŭ ĉiuj danĝeroj de la mondo maristoj amas sian vagabondan vivon kaj certe ne ŝanĝus ĝin por la pli trankvila "tera" vivo.

Krom tradicia franca akordiono estas uzataj ankaŭ violono kaj bekfluto, kio donas al la disko lirikan keltecan sonon. Harmonie aldoniĝis al tiu ensemblo gitaro, piano kaj perkutiloj. Malgraŭ tio, ke la celo de la grupo "ne estas perfekteco" (tiel oni skribas en la tekstolibreto por la unua disko "Meven"), la ĝenerala kvalito de muziko kaj kantado estas ja tre alta. La gvidantino de la grupo – Franjo PROVOST – estas profesia muzikisto kaj profesoro pri muziko. La membroj de la koruso ne estas profesiuloj – ili kantas kaj surbendigas diskojn por plezuro, en sia libertempo.

La grupo deziras "krei ponton inter lirika kulturo bretona kaj la universala esenco de Esperanto", kaj faras tion ja sukcese. Tamen – neniu sanktulo sen makulo – estas en la disko ankaŭ kelkaj eraroj. Iuj geografiaj nomoj en la tekstolibreto malĝustas: ekzemple, anstataŭ "Galegio", Hispanio, oni skribas "Galicio", laŭ ĝia hispana nomo. Tio estas aparte bedaŭrinda, ĉar "Galicio" ja estas ekzistanta nomo – tio estas regiono en Ukrainio kaj Pollando… Estas iom konfuza ankaŭ la frazo "kanto el Zairo", ĉar ne klaras, ĉu temas pri Kongo (Zairlo inter 1977 kaj 1997) aŭ pri la regiono de la rivero Kongo (Zairo)? Troviĝas ankaŭ iuj malĝustaĵoj en la vortoj de la kanto: "karak**O**l'" (estas rimata kun "skatol'") anstataŭ "karak**A**l'" (speco de linko)… Alia bedaŭrinda afero estas tio, ke la sinsekvo de kantoj en la disko estas tute malsama de tiu en la tekstolibreto… Sed tiuj malĝustaĵoj certe ne estas tre gravaj kaj absolute ne malhelpos ĝui maristajn kantojn kaj belan korusan muzikon el Bretonio!

La disko estas rekomendinda por ĉiuj ŝatantoj de maristaj kantoj, kelteca muziko kaj ankaŭ ĉiuj, kiuj volas ekkoni alilandajn kulturojn!

## "Gejoj kaj lesboj naskiĝis en tradiciaj familioj"

Karaj samideanoj,

kun intereso mi legis ambaŭ leterojn pri gejoj en KONTAKTO 2005:3. Mi nur volus aldoni, ke por tradiciaj familioj ne estas bona perspektivo, kiam la gepatroj scias, ke ilia infano estos diskriminaciata, se ĝi ne naskiĝos "normala". Gejoj kaj lesboj naskiĝis en tradiciaj familioj, kiuj opiniis, ke al ili io simila ne povas okazi, ke ilin la problemo ne koncernas. Nur post pubereco de sia infano ili ŝokite konstatas, ke la problemon ili havas en la familia sino kaj ke ili venigis sian filon (nepon, pranepon) en maltolereman socion.

Estas ankaŭ interese, ke ĝuste tiuj homoj, kiuj batalas kontraŭ abortigoj kaj kontraŭkoncipaj rimedoj (do kiuj postulas, ke naskiĝu eĉ difektitaj infanoj), havas plej grandan problemon normale akcepti sen malamikaj antaŭjuĝoj kelkajn el tiuj infanoj.

Miroslav MALOVEC, Ĉeĥio

**Abonkotizo por *KONTAKTO* por la jaro 2005**

| Lando/valuto | Kto | Lando/valuto | Kto | Lando/valuto | Kto |
|---|---|---|---|---|---|
| Argentino/eŭro | 10 | Irlando/eŭro | 21 | Usono/dolaro | 22 |
| Aŭstralio/dolaro | 34 | Islando/eŭro | 20 | TARIFO A/eŭro | 13 |
| Aŭstrio/eŭro | 21 | Israelo/eŭro | 16 | TARIFO B/eŭro | 10 |
| Belgio/eŭro | 21 | Italio/eŭro | 21 | | |
| Brazilo/eŭro | 10 | Japanio/eno | 2600 | | |
| Britio/pundo | 14 | Kanado/dolaro | 31 | | |
| Bulgario/eŭro | 10 | Malto/eŭro | 14 | | |
| Ĉeĥio/krono | 460 | Nederlando/eŭro | 21 | | |
| Danio/krono | 155 | Norvegio/krono | 165 | | |
| Finnlando/eŭro | 21 | Nov-Zelando/dolaro | 39 | | |
| Francio/eŭro | 21 | Pollando/eŭro | 11 | | |
| Germanio/eŭro | 21 | Portugalio/eŭro | 21 | | |
| Greklando/eŭro | 21 | Rusio/eŭro | 10 | | |
| Hispanio/eŭro | 21 | Slovakio/krono | 550 | | |
| Hungario/forinto | 3500 | Svedio/krono | 190 | | |
| | | Svislando/franko | 31 | | |

ALIAJ LANDOJ: Luksemburgio laŭ Belgio; San-Marino laŭ Italio; Kipro laŭ Malto; Liĥtenŝtejno laŭ Svislando; Estonio, Latvio, Litovio kaj Slovenio laŭ Pollando. TARIFO A: Honkongo, Korea Respubliko, Singapuro, Sud-Afriko, Tajvano. TARIFO B: Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.

# Tra la "oraj insuloj"

Ĵenja Amis, Ukrainio/Usono

Malsimile al najbara Florido, mar-bordo de Georgio ne estas unu-eca: ĝi konsistas el 17 insuloj. La plej-multo el ili estas ŝtataj natur-**rezervejoj** (iuj insuloj tamen ankoraŭ estas privataj) kaj bonega loĝejo por multaj **raraj** birdoj, **sovaĝaj** ĉevaloj, kiujn la hispanoj alportis en Amerikon en la 16-a jarcento, kaj multaj aliaj bestoj. Antaŭnelonge ni vizitis du el la plej konataj kaj loĝataj insuloj el la "oraj insuloj" de Georgio.

La insulo Sankta Simono estas la plej granda insulo kaj unu el la plej famaj ripozejoj en la ŝtato. Nun granda ponto ligas la insulon kun la "ĉefa tero" – antaŭe oni povis atingi ĝin nur per ŝipoj. Sankta Simono famas pro multaj vidindaĵoj (tie ja situis la dua urbeto en Georgio!) – malnovega lum-**turo**, bonaj plaĝoj, imponaj **marĉoj**, kiuj kovras la plejparton de la insulo) kaj grandegaj viv-**kverkoj**. Kvankam la vorto "viva" estas simple nomo de tiu ĉi speco, la kverkoj de Sankta Simono aspektas vere kiel vivaj estaĵoj – pro **girlandoj** de **musko** sur siaj branĉoj la kverkoj similas al iuj fabelaj **gigantoj**, kiuj pro ies malbona **sorĉo** fariĝis arboj... Kompreneble, nun sur la insulo abundas multekostaj manĝejoj, dancejoj kaj aliaj amuzejoj, belaj domegoj kaj multekostaj hoteloj.

La **fortikaĵo** Frederiko (*Frederica*) estas nepra vizitindaĵo en Sankta Simono. Ĝi aperis dank' al la fondinto de Georgio, James Oglethorpe [ĝejmz oglthorp] antaŭ ĉ. 250 jaroj. Li volis fondi **kolonion**, kie malriĉaj britaj **ŝuldantoj** povus komenci novan vivon – en Britio ili ja devis iri en malliberejon. Samtempe la urbeto devis defendi la britajn koloniojn kontraŭ la hispanoj (Georgio limis kun la hispana kolonio Florido). La novan kolonion oni nomis Georgio pro la tiama reĝo de Britio – Georgo, kaj la fortikaĵ-urbeton Frederiko – pro la unua filo de reĝo Georgo, Frederiko. En la nova kolonio oni ne permesis **sklavecon**, kaj pro tio la loĝantoj de Frederiko mem pri-laboris la teron, faris ĉiujn viv-necesaĵojn kaj komercis kun la lokaj **indianoj**. (Ĉu ne strange, ke poste Georgio fariĝis unu el la ŝtatoj, kies prospero dependis grand-parte de sklaveco?..)

Nun sur la insulo abundas ĉiaj preĝejoj, sed la plej malnova – kaj plej vizitinda – estas Frederika Krist-Preĝejo *(Christ Church Frederica)*. La unua Preĝejo de Kristo estis plene detruita dum la Interna Milito en Usono (la nordaj soldatoj uzis ĝian **altaron** por dis-pec-igi korpojn de bovoj por manĝi...). La nuna preĝejo estis konstruita kiel memoraĵo por juna virino, kiu mortis nur kelkajn monatojn post la geedziĝo (ŝia edzo poste fariĝis **pastro** en tiu ĉi preĝejo). La preĝejo en la labor-tagoj funkcias kiel muzeo (ĝi havas tre belajn mult-kolorajn fenestrojn), kaj dum la dimanĉaj di-servoj ĝi estas plen-plena.

Mar-Insulo famiĝis pro tio, ke en 2004 tie okazis renkontiĝo de la Granda Okopo. Ĝi estas fakte parto de Sankta Simono, dividita de ĝi per rivereto kaj marĉoj. Ĝi estas la plej multekosta el ĉiuj "oraj insuloj" kaj nur veraj riĉuloj povas permesi al si loĝi tie.

La insulo Jekyll [ĝekil] ekde la fino de la 19-a jarcento ĝis la mezo de la 20-a jarcento apartenis al klubo de usonaj, plejparte nordaj, riĉeguloj (inkluzive familion Rockefeller [rokafeler]) – ili venis al la insulo plejparte vintre, ĉar somere tie estas tro varme. Fine de la 1940-aj jaroj la insulon aĉetis la ŝtato Georgio: nun ĝi estas ŝtat-parko, kaj la domoj de la milionuloj estas muzeoj. Multaj homoj venas al Jekyll por studi la naturon – tie konserviĝis multaj sovaĝaj birdoj kaj bestoj, multaj el kiuj ne troveblas aliloke en Georgio.

Fotoj de la aŭtoro.

**altaro** – plej sankta loko de preĝejo aŭ alia religia konstruaĵo
**fortikaĵo** – bone protektita loko (**fortika** – forta, malmola, malfacile rompebla)
**giganto** – grandegulo
**girlando** – longa plibeligaĵo, kiun oni uzas, ekz., por plibeligi kristnask-arbon
**indiano** – ano de popolo, kiu vivis en Ameriko antaŭ veno de eŭropanoj
**kolonio** – parto de lando, kiu troviĝas ekster ĝiaj originalaj limoj
**kverko** – granda arbo, kiu tre longe vivas
**marĉo** – akveca, lageca tero
**musko** – kreskaĵo sen radikoj
**pastro** – estro en preĝejo
**rara** – malofta
**rezervejo** – loko, kies naturo estas netuŝita
**sklavo** – malliberulo
**sorĉi** – efiki sur ion per supernaturaj fortoj
**sovaĝa** – malhejma
**ŝuldanto** – homo, kiu pruntis monon de alia(j) homo(j) kaj devas repagi
**turo** – alta konstruaĵo


Sur la insulo Jekyll



En la fortikaĵo Frederiko


Multkolora fenestro de la Frederika Krist-Preĝejo

Hotelo de milionula klubo sur Jekyll

Frederika Krist-Preĝejo ĉirkaŭita de viv-kverkoj